# LITERATURA Mondo

TRIA PERIODO — TRIA JARO — 5—6



NOVELOJ DE A. DE VRIES (KRÜGER)
ARAGON (LÉTINOIS), TELESHOV
(STARITSKY) MUNRO (AULD)
WARINGHIEN: OMAR KAJJAM
POEMOJ DE W. AULD, K. KALOCSAY,
R. ROSSETTI, A. JÓZSEF (KALOCSAY)
L. ÁPRILY (IMBÁN), ST. MALLARMÉ
(TÁRKONY)
DISKUTO DE B. CLARK
LINGVO — OBSERVO — RECENZO

REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: BUDAPEST, VIII., RÖKK SZILÁRD-STR. 28. HUNGARIO

# PREZARO

**Prezoj estas montritaj en USA-dolaroj**

| | Bind. | Broš. |
|---|---|---|
| K. Kalocsay: | | |
| **STREČITA KORDO* . . . | | 1.20 |
| Madách—K. Kalocsay: | | |
| *TRAGEDIO DE L' HOMO* . . | | 1.— |
| K. Kalocsay—Dante: | | |
| *INFERO* . . . . . . . . . | 2.50 | 2.— |
| K. Kalocsay: | | |
| *ARTHISTORIO I.* . . . . | | 2.80 |
| K. Kalocsay—Waringhien: | | |
| **PARNASA GVIDLIBRO* . . | | 1.— |
| Bleier—Kőkény—Širjaev: | | |
| **ENCIKLOPEDIO DE ESP.* | | |
| vol. I—II. ilustrita . . . . . | Elĉerpiĝis | |
| Nur la II-a vol. ilustrita . . . | | 5.— |
| Sen ilustraĵoj, vol. I—II. . . | | 6.— |
| L. Tárkony (Totsche): | | |
| *DE PAĜO AL PAĜO* . . . | 1.20 | —.90 |
| K. Kalocsay: | | |
| *DEKDU POETOJ* . . . . . | 1.20 | —.75 |
| E. Aisberg: | | |
| *FINE MI KOMPRENAS LA RADION* . . . . . . . . . | | 1.40 |
| E. Wiesenfeld: | | |
| *VERKARO DE FEZ* . . . . | | 2.— |
| Van Loon—Saville: | | |
| *RIGARDU LA TERON* . . . | | 4.— |

| | Bind. | Broš. |
|---|---|---|
| Kalocsay—Baghy: | | |
| *ARĜENTA DUOPO*, jubilea libro, I-a volumo . . . . . . | | 1.30 |
| Muzik-notoj de la II-a volumo (Kantoj de Baghy—Kalocsay) . | | —.50 |
| A. Baur: | | |
| *SVISA ANTOLOGIO* . . . . | 4.60 | 4.— |
| K. Kalocsay: | | |
| *RIMPORTRETOJ* . . . . . | | —.40 |
| Asch—Lejzerovicz: | | |
| *SORĈISTINO EL KASTILIO* . | 1.50 | 1.— |
| Grenkamp—Bzrekowski: | | |
| *PRI L' MODERNA ARTO* . . | 1.— | |
| T. Herzl—B. Selzer: | | |
| *LA JUDA ŜTATO* . . . . . | | —.90 |
| Adamson: | | |
| *AULI* . . . . . . . . . | | —.60 |
| I. Lejzerovicz: | | |
| *EL LA VERDA BIBLIO* . . | —.70 | —.40 |
| Jerome—Badash: | | |
| *TRI HOMOJ EN BOATO* . . | 1.90 | 1.40 |
| Kikuĉi—Ŝimomura: | | |
| *AMO DE TOOJUURO* . . . . | | —.80 |
| Goethe—Kalocsay: | | |
| *ROMAJ ELEGIOJ* . . . . . . | —.80 | —.60 |
| N. Kurzens: | | |
| *MIA SPEKTRO* . . . . . . | | —.50 |
| Bleier—Ĉense: | | |
| *ORA LIBRO DE LA ESPERANTO-MOVADO* . . . . . | | 1.— |

Aldonu 10% por afranko
Ni respondecas nur por rekomenditaj sendaĵoj.
Rekomendo por pakaĵo —.20 USA-dolaroj.

*Rimarko:* La kovrilpaĝoj de la libroj markitaj per*, perdiĝis pro la militaj okazintaĵoj. Tial ili havas simplan karton-kovrilon, sen ajna surskribo.

Provnumeroj de Literatura Mondo kontraŭ 2 respondkuponoj.
Librojn mendu ĉe niaj reprezentantoj aŭ ĉe via libristo.

# El la romano „Bartje"

**Anne de Vries**

Anne de Vries (nask. 1904), estis kompostistino kaj farmservistino, poste instruistino en Advorn, fine sin dediĉis tute al la litarturo. Ŝi verkis novelojn, porlernejajn librojn, porinfanajn librojn, pedagogajn artikolojn, ktp. „Bartje" estis ŝia unua romano. Ŝi verkis ankaŭ ĝian daŭrigon: „Bartje serĉas la feliĉon."

Paĉjo ĉiam diras, ke la tago daŭras tede longe, sed pri tio Bartje ne samopinias kun li.

Bartje neniam enuas. La kaŭzo de tio estas, kompreneble, ke li — precipe dum somero — estas tiel ege okupita.

Jen, unualoke, la fosaĵo kun la skaraboj, la dornfiŝetoj, la ranoj kaj la akvoratoj, kaj la mondo plena je misteroj inter la lemno kaj la akvoplantoj. Imagu ke naĝas rato tra tiu longa foso aŭ ezoko senmove staras en la akvo, kaj se vi ne pafcelus ilin per ŝtono, estus ja vere domaĝe! Nu, jen estas plue la nekulturitaj framboj sur la randoj de la kverkarbaro inter la kampoj. Nun ili floras ankoraŭ, sed oni tamen jam devas kontroli ilin ĉiutage, por povi tuj deŝiri la ruĝajn, antaŭ ol la fratoj rimarkas ilin. Kaj jen la sarkenda ĝardeneto kaj la kunikloj sur la blankigejo. Kaj paŝtiĝinte longtempe sur la sama kampoparto, la blanka kaprino sendube ja ŝatas ekhavi freŝan lokon sur la herbejo. Kaj ĉiuj birdonestoj, kiujn li scias. Kaj du fojojn en ĉiu semajno la petrolvendisto venas kun sia odoraĉanta ĉaro. Nu, jam sufiĉas!

Kaj krome restas al li kiel rezervo tre multe da grandaj homoj, kiujn li povas viziti. Sed pli bone estas, se oni ne bezonas ilin, ĉar nur malmultaj el tiuj grandaj homoj estas fidindaj. Jen estas ekzemple la patro — li ja estas la plej bona el ĉiuj — kaj tiu punbatas vian postaĵon, ĉar vi estas la plej aĝa kaj tiucele li eĉ devigas vin iri mem por preni la vestbatilon de sur la subtegmentejo. Panjo vin vokas afablamiene, kaj kiam vi staras apenaŭ apud ŝi, evidentiĝas nur, ke vi faris ion malpermesitan, kaj ŝi tordas vian orelon. La ĉarpentisto kaj liaj servistoj kovras vin per rabotaĵoj, kaj tiam ili havas grandan plezuron. Unu farmisto vagigas vin longtempe preni sentruan paton kun truoj, kaj alia irigas vin preni fadenon kun kudrilo por fermkudri la sangoplenan truon en la gorĝo de ĵus buĉita porko. Grandaj homoj, precipe se ili ne estas solaj, volonte faras sian eblon por igi ridindaj malgrandajn knabojn. Nur se ili estas tre okupitaj, ili krias aŭ ili forpelas vin. Tial Bartje preferas resti sola. Li pli amas la skarabojn, la kaprinon kaj la akvoratojn. Kaj kelkfoje li iras al Hendek-Jan, la ŝtelĉasisto. Tiu ĉiam estas sola kaj pro tio ne tiel danĝera. Kaj li, gustedire, samopinias kun Bartje: ankaŭ li ne tro fidas la homojn.

Hodiaŭ Bartje laŭkutime komencas la tagon ĉe la fosaĵo. Li aperigas konfitaĵujon el sia zorge kaŝita trezorejo troviĝanta sub la fojno en la garbejo, grimpetas laŭ la dispeciĝinta fosaĵa bordo malsupren kaj kaŭrante tombe-silente, li spionadas la dornfiŝetojn. Liaj lignoŝuoj sin suĉas malrapide en la malbonodoran koton, sed li ne rimarkas tion. Li kliniĝas super la bruna akvo kaj rigardas. Li tute perdiĝas en la rigardado de la malgranda peco de l' mondo ĉe siaj piedoj. En la senfino du blankaj nubamasoj flosas sur la ondanta ĉiela arkaĵo, en kiu akvoplantoj radikas. Kun la piedoj supren, aro da kolomboj preterflugas kiel velŝipo, faras laŭ neaŭdebla ordono akutan angulon kaj pendigas sin sur iun tegmentan dorson. Tie estas ankaŭ eta, malrekta kaj balanciĝanta fasado kun du fenestroj kaj verda duonfermita pordo. El la kamentubo leviĝas blua fumaĵo. Kaj en la proksimo de ĉio ĉi estas la serioze rigardanta vizaĝo de Bartje. El senorda tufeto aperas argironeto. Ĝi metas sian abdomenon super la supraĵon kaj malaperas kun brilanta arĝenta buleto en la faldojn de iu bluzeto... Kaj malgranda skarabo kun oraj piedoj grimpas inter ĥaoso de tigoj tra preskaŭ nepenetrebla arbaro al certa celo, ie en la mistera profundaĵo. Heliko, tuj apud la bordo de l'fosaĵo, rampas el sia konko kaj palpante movas sian kapon ĉirkaŭe... Jen la kolomboj denove preterflugas. Kaj rapide sin turnante, du dornfiŝetoj — unu griza kaj post

ĝi alia, kiu estas brile kolora —, ekjetas sin antaŭen tra la arbaro kaj persekutas unu la alian ĝis antaŭ paro da lignoŝuoj.

Bartje ekkaptas — lia pugno disrompas ĉielon kaj mondon — sed la dornfiŝetoj sin savis.

„Tre domaĝe," ĝemas Bartje, kaj tiam li vekiĝas. Lia kapo turniĝas, kaj li tenas sin per herbotufo. Sur la akvon falas ombro, kaj sur la ponteto staras Panjo kun suprenfalditaj manikoj kaj ŝvitkovrita vizaĝo en odoro de lesivo kaj kloro.

„Malbonulo, ĉu oni denove devas subakvigi vian kapon?"

Tion ŝi faris foje. Neatendite, ŝi kaptis liajn krurojn kaj plaŭdigis lian kapon multfoje en la akvon, kiel la batilon en la buterigilon ... Por dekutimigi al li la fosadon kaj la ŝlimvadadon ĉe la fosaĵo. Tio estis terure sufoka, kaj ankoraŭ vespere en la lito li fingroskrapis la lemnon el siaj oreloj. La patrino kapablas refari tion en tago kiel hodiaŭ. Tial Bartje sin levas rapide.

„Ne, Panjo, ne estas necese."

Kun granda peno li tirliberigas la lignoŝuojn. Tio kaŭzas ŝmacan bruon. Liaj kruroj estas rigidaj kaj doloras.

„Venu ĉi tien."

„Jes, Panjo."

Li venas. Li purigas rapide la lignajn ŝuojn sur la herbo kaj la manojn sur la posto de sia pantaloneto. Plue, li restas ekster la kaptopovo de la ruĝaj, patrinaj manoj. Malfide kaj sekrete li rigardas ŝian vizaĝon. Inter la kutimaj zorgosulkoj li rimarkas ian ruzon sur ŝia vizaĝo. Li staras preta por forsalti.

„Kuniru hejmen."

Sur la mallarĝa brikvojeto ŝi jam iras antaŭen en siaj eluzitaj lignoŝuoj. Ŝiaj tibikarnoj elstaras knabinece el la jupo, kiu estas suprentirita per la rubando de la antaŭtuko. Bartje sekvas. „Oni nun nepre atentu", li pensas. „Certe ne venos multe da bono. Alie, ŝi tuj dirus, kio estas ..."

Sed hejme ĉio estas ordinara. En la litŝranko la infaneto ankoraŭ tede ploretas. Sub tiu la dika Jan etendas sian kapon el la keleto: „Panjo, ĉu nun sufiĉas?" Araneaĵo gluiĝas al liaj haroj. Malpuraj strekmakuloj montriĝas sur lia malinteligenta vizaĝo. Po du fojoj en ĉiu semajno, li devas renversi la terpomojn, kiujn oni konservas sub la litoŝrankoj; ĉar dum la printempo ili tiel ege ĝermas. La patrino ne respondas al li. Ŝi brue furiozas kontraŭ Gertje, kiu surŝutas malgrandajn figurojn sur renversitan piedvarmigilon per la cindro de ĝia fajropoto. Riki pilkludas per du terpomoj kontraŭ la pordon de la litoŝranko. Kaj sur la tablo ...

Sur la tablo kuŝas aro da brunaj faboj, sulkoplenaj, ŝvelintaj kaj moliĝintaj brunaj faboj.

„Elserĉu ilin nur bone," diras la patrino. En ŝia voĉo oni aŭdas trompkaŝitan rideton. Jen kiel vi estos vigla knabo. Estas nigraj inter ili."

Li tamen tiel ege teruriĝis, ke li ruĝiĝas ĝis en sia blanka tufo. Li fiksrigardas senespere al la fabamaso. Ili estas jam moliĝintaj kaj oni manĝos ilin hodiaŭ je tagmezo.

„Ba!" li diras mallaŭte. Li ne rajtas diri tion. Sed brunaj faboj estas tiel ege naŭzaj. Estas la plej naŭza manĝaĵo, kiu ekzistas. Bartje ne scias la kaŭzon de tio, sed li jam naŭziĝas ĉe la penso, ke li estos devigata maĉi kaj tragluti la unuan, malfacile disigeblan buŝplenon da ili. Jam nun li glutas pro tio.

„Ĉu ni manĝos hodiaŭ tagmeze brunajn fabojn?" per stranga, senespera voĉeto li krias.

„Jes," diras Riki, kaj daŭrigas la pilkludon. Jan kantas arion kaj sub la litŝranko li jetegas per terpomoj. Panjo iris for. Bartje tute ne rimarkis tion. „Ba," li diras laŭte, kaj piedfrapas dume la plankon. Jen ŝi mistifikis lin! Estas li, kiu laŭ ŝia plaĉo devas elserĉi antaŭe la fabojn, pro kiuj li preskaŭ sufokiĝos tagmeze. Li devis ankaŭ alporti la vestbatilon, per kiu oni poste punfrapis lian postaĵon. Tio estas la samo. Sed li ne rezignacios pri tio. Nepre li devos trovi rimedon por solvi la problemon.

Ekkrakas la kelpordo. Nimpi, la griza kato, sin tordas tra fendo, lekas la buŝon, tramarŝas la ĉambron kaj iras sur la fenestrobreton por lavi sin.

Bartje malsupreniris la kelŝtupareton.

„Kion vi serĉas tie?" demandas Riki.

„Demandema knabinaĉo. Fermu la bekon!" kolere minacas Bartje.

En la malluma kelo li ekzamenas palpante

# EBRIO

William Auld

la boteloj staras vice,
kamarade kaj komplice
sur la altaj murobretoj —
botelegoj, boteletoj,
verdaj, flavaj,
grasaj, kavaj,
palpebrume en la lumo
min invitas al konsumo,
gluta, tuta,
ĉes-rifuta
forkonsumo de l' enhavo,
de la verdo, de la flavo,
de likvoro glate glita
svate ŝvita
kvate kvita
strate strita
streta
struta

mi rimarkas: en angulo
sidas ia ina ulo
kiu ridas ĉevaldente
kaj rikanas sento-tente,
sin ekmovas,
kison blovas,
krurojn ŝovas:
kaj mi povas
super ŝtrumpo vidi blankon,
sangomankan gamboflankon.

mi vin amas, bela ino
mi adoras vin sen limo,
volas tuŝi,
kune kuŝi,
kaj karesi,
kaj forgesi,
pri la griza ver' forgesi
grila priva vorgeresi
vira vorga pivaresi
vipareŝi
mi neŝeŝi
neŝeŝi

ŝuvi puvi povi-povaŝ
diri kie ŝiŝ ŝin trovas
diri kie siŝ ŝin trovaŝ
la ne
la ne-ŝe
ne-ŝeŝ
ŝeŝ
dako danto danko dankon
dankon
padon'
padon'
'kon
'kon
paŭzo
naŭzo

---

la enhavon de pladoj kaj tasoj. Tie... grasajo — tie... lakto, de kiu jena kataĉo sin trinkis preskaŭ malsana, tie... peceto da lardo en kraket-papereto. Li piede batas kontraŭ malgranda pato. Li kliniĝas kaj palpas interne de ĝi. Estas algluiĝema bulo. Povas esti grasaĵo, sed ankaŭ manĝrestaĵo. Li ĉirkaŭlekas siajn fingrojn. Estas manĝrestaĵo de pistitaj terpomoj kaj brasikrapoj.

Li nun devas kunporti iom por Riki, alie ŝi denuncos lin. Dika Jan, la revetemulo, ekvidas nenion kaj sidas ankoraŭ en sia kaverno. Plenmanon da longaj, blankaj ĝermoj kun bluaj ekstremaĵoj li ĵetas eksteren sur la plankon. Ili similas multe al la vermoj, kontraŭ kiuj oni ricevas vermifugon. Riki trovas la mordpecon de la manĝrestaĵo tre bongusta. Danke kaj ruze ŝi ridas kaj zorge ĉirkaŭviŝas sian buŝon per sia subjupeto. Bartje kuras eksteren por serĉi la patrinon. Ŝi estas sur la blankigejo kaj pendigas vindotukojn sur la sekigŝnuron.

„Panjo, ĉu vi ne havas ankoraŭ restaĵon da brasikrapoj?" Ŝi ne levas la okulojn.

„Kaj eĉ se mi havus, kio do?" Ŝi demandas kun pinĉilo inter la lipoj.

„Ho, nenio, Panjo. Sed, se mi hodiaŭ tagmeze ricevos tiun manĝrestaĵon, kiel bone mi tiuokaze elserĉus tiujn fabojn!" Li streĉe atendas. Panjo ne povas ne ridi. Ŝi diras: „Ruzuleto!" Li havas bonan ŝancon.

„Ĉu tiuokaze Panjo faros tion?"

„Mi foje pripensos tion, ĉu ne?"

Ŝi ne tute diras, kion ŝi pensas. Bartje ne estas kontenta.

„Ĉu Panjo faros tion, jes aŭ ne?"

„Ho jes, bubo, demandemulo. Rapidu do, mi devos meti ilin sur la fornon."

„Jes, Panjo. Mi faros ĝin, kiom eble plej rapide!"

Dancante li eniras, donas al Riki sian rulŝtoneton kaj al Gertje sian fajroŝtonon, tiras Jan ĉe la kolumo de sub la litoŝranko kaj tiklas lin, ĝis li serpentumas kaj singultas pro la ridado. Tiam li donas al li klakantan baton sur la postaĵon, trenas seĝon al la tablo kaj diligente komencas elserĉi la putriĝintajn fabojn. Li jam fajfas pli bone ol hieraŭ; certege li iam lernos tion. Jam nun li ĝojas pro la vizaĝoj de la fratoj. Kiel rigardos ili, kiam li sola ricevos restaĵon de brasikrapoj!

Panjo eniras, demetas sian longan antaŭtukon, malbutonumas sian robon kaj prenas la bebon. Kiel karesa kaj aminda ŝi montriĝas al Egberto. Ŝi lulas lin sur siaj brakoj kaj donas al li karesajn nomojn.

„Blateto! Mia kara bubo! . . . Etulo, porkidulo! . . . Trezoro de mia koro . . ." Ŝi klakas per la lango super li: tj-tj-tj tj . . . kaj ankaŭ per la lipoj ŝi klakas, kiel farmisto faras, se li pliferorvigas sian ĉevalon. Ŝi ridas kaj kapsignas, sed Egberto ne ridas ankoraŭ. Ankaŭ kisetojn ŝi donas al li sur lian ruĝan, sulkoplenan maljunul-vizaĝon. La suĉinfanoj tre certe bezonas tion, ĉar Gertje nun nur tre malofte ricevas ilin, kaj la aliaj tute ne plu. Se vi povas marŝi, se vi ne plu estas la plej juna, tiam la tempo de kisetoj kaj karesnometoj estas pasinta. Tiam oni estas porkulo. Estas tiel kaj certe estus strange, se estus alie.

Kiel blanka estas la patrina mamo, kiun ŝi kun peno aperigas nun per siaj brunaj manoj. Egberto ĝin kaptas per ambaŭ manetoj, kvazaŭ neniam li volus plu ellasi ĝin. Li serĉas kaj palpas per siaj lipetoj kaj gruntas kiel porketo. Tiam li silentas kaj suĉas, kaj rigardas al Bartje per siaj bluaj okuletoj. Bartje pro tio tute forgesas siajn fabojn. Li ne povas ne pensi pri tio de antaŭ momento, kiam li rigardis tre profunde en la fosaĵo al tiu malproksima ĉielo. La senfino — li ne povas kompreni tion — la senfino ankaŭ estas en la okuloj de la infano. Bartje ne povas diri tion. La aliaj proksimiĝas nun al la patrino. „Nia pupeto", ili montras. „Nia pupeto trinkas." Ili flustras tion, kvazaŭ ili dirus pregeton. Kviete ridetante, la patrino rigardas al Egberto. Kaj en ŝiaj okuloj estas la sama brilo, kiel de ĉi tiu mateno, kaj tamen, la suno ne brilas nun.

Estas tre bone, ke Egberto venis. Panjo ĉiam estas multe pli afabla, kiam ŝi rigardis en liajn okuletojn. Tiam ŝi forgesas siajn zorgojn por momento. La zorgoj igas la patrinon malafabla kaj kelkfoje ankaŭ ruza. Sed nun, ŝi diras tre afable, ke Riki prenu la lavopelvon por plenigi ĝin: antaŭe per iom da malvarma, kaj poste per iom da varma akvo, el la kaldrono. Kaj Riki nun ankoraŭ devas preni tualetan tukon. „Kaj Bartje, vi devas ankaŭ fari ion por gajni la porvivon; iru preni la grandan paton por la faboj."

Tion faras Bartje. Panjo sekigas la bebon, rekuŝigas ĝin en la litŝrankon, metas la fabojn sur la fornon kaj iras kaftrinki ĉe la najbarino.

La „kampo" provizore estas sendanĝera. Bartje trankvile povas kapti nun la dornfiŝetojn. La dika Jan rajtas kuniri por tenadi la poteton. Estas honoro por la dika Jan. Li estas ankoraŭ multe pli malgranda porkulo ol Bartje.

Nun estas tagmeze. Ĉiuj sidas atendantaj antaŭ siaj malplenaj teleroj. La infanoj devas silenti. La patro havas siajn grandajn interplektitajn, harajn manojn sur la rando de la tablo kaj lace sin apogas per sia seĝapogilo kontraŭ la muro. Li odoras kiel sterko kaj koto. Li estas malkontenta, ĉar denove la patrino ne havis preta la manĝaĵon, kiam li venis hejmen. Li havas nur unu horeton da manĝotempo, kaj certe li devos malhavi sian kvaronhoran dormon sur la planko. La patrino iras tien kaj reen, kaj babilas, babilas, babilas . . . Ĉu ŝi subite reakordiĝis kun la patro? Aŭ ĉu ŝi provas pliafabligi lin? Ĉar efektive ŝi ĉiam timas lin. Kion la panjo pribabilas, tio ne penetras ĝis en la oreloj de Bartje. Li ne povis trovi ankoraŭ sian manĝrestaĵon. Kun fajrokolora kapo li sursidas, balanciĝante kaj turniĝante, sian seĝon. Estas nefirma, malnova kaj senapogila seĝeto. Li nepre atentu, ke li ne rulfalu de ĝi.

Pum! jen staras la pato kun la brunaj faboj. Panjo malaperas malantaŭ la vaporo. Bartje nur vidas grandan lignan kuleron, kiu

# LA GRANDA AVENTURO

William Auld

Pulse soras,
grumble zumas
sur l' aer' aeroplano;
senkonscie
nostalgie
strabe ĝin mi okulumas,
kaj ekjukas mia mano.

Iam ankaŭ mi pilotis,
zomis venke,
plonĝis, lopis.
Glisis kvazaŭ mev' survente,*
sur nubmontoj kvazaŭ ĉamo,
ankaŭ mia aeroplano!
Jes, kaj poste
kvazaŭ dogo
viktimon ĉasis nazalvoste . .

Kia tira trompa logo
min turmentas:
tordas, tentas,
kiam trafas el ĉielo
ĉi aeroplana belo:
sidi ree en kajuto,
bridkaresi la motoron —
laŭ blekego ĝu balbuto
koni ĝuste la humoron
de l' kaprica
nepre ina
bird' maŝina;
vidi tra l' nebul' helica
vastan sorĉan horizonton:
celi ĝin, ĝispeli min
al ĝia foca eldorado;
kaj jubile
surflugile
senti la potencan senton,
kiun donas nur flugado!

Ne! pli saĝe prirezigni,
ne indigni:
mi ne havos plu okazon
fulmi en ĉiela sfero,
koni nove flugekstazon.
Restas al mi ponjo tero,
grund' vulgara,
kaj solido
Aviado estas kara:
ĝia prezo: la milito.

Unu fojon mi fervore
kontraŭ besta kult' batalis;
sed ne plu
al homdetru'
povas mi dediĉi kore
tutan ardon de l' anim',
ĉar pasintan fojon falis
kiel predo
mia kredo.
Kaj mi trovis kredon novan,
kredon pri la homdestin'.
Se denove mi militus
laŭ ordon' de l' registaro,
kaj per bomboj forlikvidus
kelkajn milojn de l' homaro
ili estus miaj fratoj
demokratoj:
eternan punon mi meritus,
se denove mi militus.
Do ne plu en la ĉielon
mi leviĝos:
mian vivon mi dediĉos
al laboro sur la tero,
por futuro
tuthomara,
solidara:
jen pli granda aventuro!

---

plenigas la telerojn. Meze en la nubo parolas la patrino. Se la grandaĝuloj parolas, la junuloj devas silenti. Li ne povas eĉ diri unu vorton. Li balanciĝas, li flustras, sed la patrino ne rimarkas. Aŭ ĉu ŝi bone rimarkas? Kial do ŝi restas silenta? . . .

Kaj nun, la granda kulerego plena je vaporantaj brunaj faboj ŝvebas super lia telero. Restas nun ja nur unu rimedo por elsavi sin el tio. Li krias: „Ne mi!" Li fortiregas sian teleron kaj renversas la kuleron super la tablo.

La konversacio finiĝis. Dum momento estas tiel silente kiel en la preĝejo. Fatoplene kuntiriĝas la densaj brovoj de la patro.

„Diable!" li krias.

„Nu, nu, nu!" kverelas la patrino. Ŝi ekriproĉegas. Sed Bartje krias timeme: „Mia

manĝrestaĵo!"... Mi devas havi mian manĝrestaĵon. Vi ja promesis tion al mi!"

Ŝi jam troviĝas malantaŭ li, tordas lian orelon kaj manbalaas la fabojn en lian teleron. „Fiulo, formikaĉo; ĉu vi pensas ke mi havas tempon por revarmigi manĝrestaĵojn? Prenu tiujn fabojn tuj apud la telero. Kaj fabojn vi manĝos! Ĉu vi volas estri? Vi estras, kie ĉiuj aliaj finis estri!"

„Kaj vi ja promesis tion!" li krias, kun la brakoj ŝirmantaj super la kapo.

„Mi nenion promesis. Manĝu, mi petas!"

„Ho jes, demandemulo," tion ŝi diris. Ŝi promesis nenion. Kion li atingis per sia ruzeco? Bartje iĝas furioza. Sed en lia koro, inter la ekflamantaj furiozo kaj indigno, estas voĉeto, kiu ruze kaj persvade protestas kontraŭ tio: „Bartje, mia knabo," diras tiu voĉeto, „kiel vi ekscitiĝas! Tion vi ja povus scii. Ja neniu homo estas fidinda. Ŝi forgesis tion, kompreneble! Sed silentu, Bartje, kaj manĝu. Maĉu kaj glutu ĝis via telero estos malplena. Kaŝu kvanteton da faboj en la poŝoj de via pantalono. Tio estas ebla, sen ke ili vidus tion. Aŭ elfaligu ilin sub la tablon, eble la kato formanĝos ilin. Sed silentu, tio estas plej saĝa! Ne estas alia eblo..."

Sed Bartje ne plu estas la sama Bartje, tiu Bartje, kiu ĉiam scias, ĝis kie li povas agi sendanĝere. La voĉeto avertas je pli forta tono kaj kriegas: „Silentu, silentu, silentu!" Sed Bartje ne povas silenti.

„Kial do vi restis tiel longe klaĉanta ĉe la najbarino?" subite ekkrias la eta bubo.

Estas lia lasta kaj unika armilo. Estas peco da tegolo, kiu antaŭe devos vundi la patrinon kaj tiam resaltos sur sian propran varmegan kapeton.

Nur la patro restas kvieta. Bartje estas Bartje, kaj ĉi tiu afero ne tuŝas lin. Ĝi estas io inter la knabo kaj la edzino. Li nur bedaŭras, ke denove fariĝos tiel ege malfrue, antaŭ ol li povos manĝi. Sed la fratoj, kiuj ankaŭ devas manĝi fabojn, krias indigne: „Ho, kia malrespektegulo!" Fratinjo ekploras. Dika Jan sin klinas preskaŭ sub la tablon, kiam la patrino kolere kuregas malantaŭ kaj laŭlonge de lia seĝo. Kaj tiam, kun torento da riproĉoj ŝi tordas ankaŭ la alian orelon de Bartje.

La patro finas la tumulton.

„Ni preĝu!" li laŭte krias, kaj demetas sian ĉapon. Tiam interplektiĝas ĉiuj manoj kaj fermiĝas la okuloj. Regas silento. Oni aŭdas nur la tiktakon de la vekhorloĝo kvazaŭ ekkuregantan ĉevalon: tik, rik-tik, rik-ke-tik, rik-ke-tik, rik-tik, rik, tik, tik... Kaj la spiregadon de Bartje. Kiel strange. Bartje ne povas plori. Li tute tremas. Liaj oreloj ardas. Preĝado... Li interplektis siajn manojn, la tremetantajn manetojn, kiuj estas malpuraj pro ŝtonetoj, okzalo, kaj dornfiŝetoj. Sed liaj okuloj restas malfermitaj. Liaj ardantaj okuloj vidas ĉion:

Sep kapojn, klinitajn, malantaŭ malgrandaj, maldensaj vaporkolonoj. La patron, kiu troviĝas malantaŭ sia kaskedo. Gert kiu incite elŝovas la langon. La varmiĝintan, koleran vizaĝon de l'patrino kaj ŝiajn mallaŭte preĝantajn lipojn. Ili fendiĝis kaj formas nun buŝeton, kiu ridaĉas al Bartje. Kaj „ili" vaporas. Bartje scias, ke ĉi tiun tagmezon li ne manĝos „ilin".

La patro spirblovas, tio estas la signo, ke li finis la preĝadon. Li elmergiĝas super sia kaskedo.

„Gert?" li diras.

„Sinjoro, benu ĉi tiun manĝaĵon, amen," preĝas Gert.

„Ari?"

„Sinjoro, benu ĉi tiun manĝaĵon, a-a-men."

„Bartje?"

Silento...

Nun pli laŭte: „Bartje?"

Pli timiga silento...

„Sinjoro, benu..." komencas Riki kun tremantaj lipetoj.

Sed pli laŭte tremadas la patra voĉo: „Ne, silentu! Bartje devas preĝi. Diable, Bartje, preĝu!"

Kaj ankoraŭ ne eliĝas sono el la buŝo de Bartje. Li sidas rekte kun interplektitaj manetoj, dum liaj okuloj rigardas senmove al lia telero. Bruas multe en lia kapo. Lia vizaĝo estas preskaŭ tiel ruĝa kiel liaj brulume dolorantaj oreloj. Estas stranga tago. El kio li ĉerpas la kuraĝon? La silento ĝenas. Baldaŭ la fulmotondro eksplodos. Timego kaj konsterniĝo vaporas el la faboj.

Ho, Bartje troviĝas en granda angoro. Li sentas ankaŭ naŭzon; preskaŭ li devas vomi. Sed interne de li estas io strange-ne-ŝancelebla, kio estas pli forta ol ĉio. Jen li sidas

## LA VENKONTOJ

### Al J. S. Dinwoodie

Poeto, splene de acerbo
vi fantaziis, ke pereos,
kion nur kreis, kreas, kreos
la homa man' kaj homa cerbo,
kaj regos la mondvenka herbo.

Ludo de ritmo kaj de rimo
efikis tiel forte min, ke
ĝi preskaŭ trafis min konvinke
kaj min dronigis en deprimo.
Ribelis, tamen, la animo.

Mi spitis do al ĉi aŭguro,
kaj mi demandis ĉi-koncerne
la herbojn. Ili min konsterne
aŭskultis, kaj, je mia ĵuro,
respondis jenon per susuro:

„Ho, ĉu ni estus malamiko
de l'homo? Tia dir' insulta
nin batas por la servo multa?
Jen — homojn nutras per la spiko
parenco nia: la tritiko.

Ni estas ankaŭ mem ornamo
de homaj parko kaj ĝardeno,
ni homojn servas por vivteno:
el ni fariĝas la ŝaflano,
la lakto'en bovina mamo.

Ne vivus homoj sen la verdo,
kiu ilian domon zonas.
Kaj homojn ankau ni bezonas:
nin glutus sen ilia lerto
iom post iom la dezerto.

Jen la komuna malamiko:
la sablo! Kien ĝi atingas,
ĝi verdon de la viv' estingas,
kaj per tavol' de granda diko
faras Saharon de Afriko.

Sed spitas homoj al la sablo,
kanalojn metas, kaj riveroj
ekfluas tra l' perditaj teroj;
ĉi farojn de la homkapablo
tuj sekvas verdo kaj agrablo.

Ĉu do nin eblas malaprobi?
Kun homoj luktas ni komune,
kaj venkas! Ĉar, marŝante kune,
baldaŭ eĉ la dezerton Gobi
ni povos per verdaĵo robi!"

Poet' de spleno kaj acerbo,
por *serenigi vian saĝon,
mi sendas al vi ĉi mesaĝon:
„Marŝas kun frata interhelpo
venkontoj kunaj: hom' kaj herbo!"

**K. Kalocsay**

---

kaj ne povas agi alie. Li estas stulta, ĉar perforte oni neniam venkas la grandaĝulojn. Sed malgraŭ tio, ke li estas konvinkita pri sia malvenko, li nepre devas malkaŝe ribeli.

Estas domaĝe, ke nun temas pri kaj kontraŭ la patro, ĉar Paĉjo kaj Bartje formas simetrian unuon. Kiam Bartje pripensas tion, li ne povas ne levi la okulojn.

Ili rigardas dum momento unu la alian: la granda kaj la eta viroj, vestitaj en egala blua kitelo kaj kun egalaj brilegantaj okuloj. Danĝeraj ekbriloj saltmoviĝas en tiuj okuloj, la vizaĝoj deformiĝas. Ankaŭ troviĝas petegado, silenta pledado de ambaŭ flankoj por ilia kamaradeco: Cedu do, kamarado! ... Lasu do ... La okuloj batalas kaj la konscio malklariĝas. Nun temas pri la patra potenco. Nun estos: fleksiĝi aŭ rompiĝi, eĉ se temas milfoje pri Bartje.

Jen oni aŭdas trembaton sur la tablon.

„Ĉu vi nun preĝos" ...

Io alia okazas ankoraŭ: kraketanta blasfemo. Bartje kuntiriĝas. Pro respekto li iĝas malvarm-rigidega interne de si. Sed Bartje ne estas plu Bartje. Li rigardas la patrinon kaj glutas, glutas ... kaj diras: „Mi ne preĝas por brunaj faboj."

Kaj tiam, ĉio okazas tiel rapide. La patra seĝo flugas kontraŭ la muron. Bartje svingiĝas tra la aero. Liaj piedoj frapas teleron de la tablo. Riki estas renversata. Ĉiuj ĝemploras. „Alberto, atentu, temas pri infano!" —

# KONFESO EN 1943

## LOUIS ARAGON

— Ĉu malfrue vi hejmenvenos, sinjoro paroĥestro? Mi demandas nur pro la orteko.

— Ne, Maria, hodiaŭ vespere mi nur manĝetos iom... En tia varmo! Mi ne forrestos longe, tuj post la konfeso mi venos hejmen.

La paroĥestro Leroy tre malgrasiĝis. La dommastrino grumblis, ke plena telero da orteko tamen ne estus superflua, sed ĝuste tion li volis eviti. Ĉiam lin incitis, ke Maria diras „orteko". Kiel la tuta regiono. Li nomis ĝin — kiel decas — urtiko. Kaj ĝin li ne tro amis. De la paroĥa loĝejo ĝis la preĝejo oni povis iri tra la ĝardeno.

Li ne tro amis tiun ĉi urboparton, kie ankaŭ post dek jaroj li sentis, tiel same kiel la unuan tagon, ke li ne troviĝas en sia ĝusta loko. Pli volonte li funkcius en la vera provinco, aŭ en iu vera urbo. Tiu ĉi antaŭurbo, nek fiŝo, nek viando, en kiu loĝis etaj privatuloj, etkomercisto, aŭ tiaj homoj, kiuj iris labori aliloken, kiuj estis kontentaj, se ili havis tri herberojn kaj unu arbuston interne de sia barilo, kaj en siaj malriĉetaj domoj, kiuj estis ĉiuj samformaj: dekstre de la pordo tia ejo kaj maldekstre tia... Se li nur povus esti paroĥestro en la distrikto V... unu kilometron de ĉi tie, kun ties ĉiuj malfaciloj, kun ties ĉiutagaj luktoj!

Sur la placo, kie la asfalto ankoraŭ estis varmega, kaj en la tute hela vespero la foliaroj de la parko ĵetis trompan ombron, sur iu benko babiladis du virinoj kaj salutis la pastron. Iom pli malproksime, sur la rando de la trotuaro, interparolis knabo kaj knabino, tre proksimaj unu al la alia. La knabon, kiu staris sub la ora lumo, en sia palblua trikoto, kun nudaj koloj kaj brakoj, sin apogante al sia biciklo, en la brilo de sia juno, sinjoro Leroy ne konis. Sed la knabino — ankoraŭ tute juneta, ne pli ol dekvin-jara, en sia freŝlavita blanka bluzo, sub kiu kaŝiĝis ŝiaj ankoraŭ ne evoluintaj brustoj —, mallongjupa bruna knabino, sen ŝtrumpoj, fiera pri siaj lignoŝuoj — ŝi antaŭnelonge ankoraŭ iradis al li lerni katekismon, post la unua komunio. Sinjoro Leroy rigardis flanken, por ne ĝeni ilin. En ĉiu jaro estis tiel, tio estas la printempo. Estas eble, ke la printempo alportas nenion krom kulpo... La vojoj de la Sinjoro estas neesploreblaj...

La malgrandaj arboj de la placo fleksiĝadis sub la ŝarĝo de la floroj. Paroĥestro Leroy ekĝemis: li rigardis sian preĝejon kaj pensis ne kun granda ĝojo pri la konfesoj, kiujn li devos aŭskulti. Ĉiam la samaj aferoj! Ho, ĉi tie, en lia grego ne troviĝas grandaj krimuloj! Almenaŭ inter tiuj, kiuj lin vizitas... Milde li paŝadis pli proksimen al la preĝejo, la infanoj ludis, por momento li havis la senton, ke nenio ŝanĝiĝis. Ne, ĉi tie oni ne povis fari grandajn pretendojn... Ĉi tie troviĝis nur tiaj etaj kulpuloj, homoj, kiuj nur atendadis, atendadis...

Se konsideri funde, la homoj estis tiaj, kia la preĝejo. Leroy rigardis ilin riproĉete. Li neniam kutimiĝis al ĉi tiu preĝejo. Kion ĝi ja havis eksterordinaran? Se pesi ekzakte, nenio eksterordinara en ĝi estis. Ĝi estis unu el tiuj gotikaj konstruaĵoj de 1910, kiuj komence ŝajnis, kvazaŭ oni lude estus ilin plantinta kaj kreinta, ĝis tiam, ĝis la ŝtono restis blanka kaj la juntoj klare rimarkeblaj. Poste

---

„Paĉjo, ho, ho Paĉjo!" Sed la patra kalkovrita mano bategas sur la pantaloneton de Bartje. Kaj la ruza, trankvila Bartje aliiĝis en malgrandan furiozulon. Li piedfrapas, mordas, batas ĉirkaŭ si. Li krias: „Neniam, neniam, neniam!"...

„Tiam, la diablo vin prenu, se vi kuraĝos fari eĉ nur unu paŝon denove trans la sojlon!" kriegas spiregante la patro.

„Vi ja estas kiel sovaĝa besto!" krias la patrino. „Do nur serĉu alian hejmon! Tian obstinulon ni ne volas plu havi."

„Tiel estas," certigas la patro, surprizita de ĉi tiu nova vidpunkto.. „Foriru nur. Serĉu aliajn patron kaj patrinon. Kaj kuraĝu foje reveni ĉi tien!"

La pordo klakfermiĝas.

El la nederlanda: *F. J. Krüger.*

ĝi iom malpuriĝis, iĝis patina. La fumo de V...., kiun la vento pelis ĉi tien!... Elekstere ĝi ŝajnis sufiĉe alta. Sed la enpaŝinto senreviĝis: la ĥorejo ne estis sufiĉe profunda, la aloj ne estis sufiĉe larĝaj. Ne estis tie ĉi plej malgranda objekto, kiu ne aludis tiun ĉiutagan piecon laŭ varoj po dekduo, sufiĉe seniluziigan, se iu havas artistajn inklinojn, kiel sinjoro paroĥestro Leroy, kiu lernis tion kaj alian en sia junaĝo kaj vizitadis muzeojn. Ho, li kontentiĝus per malmulto. Ja, koncerne la domon de Dio la plej ĉefa estas la intenco: se ĝi eĉ estas ne tre bela, tamen ĝi plenumas sian taskon, ĉu ne, se tiuj, kiuj tie genuas, portas en si tiun spiritan elanon, kiu kompensas la mankojn de la konstruo. Nu jes, sed tion, bedaŭrinde, nur malmultaj portas en si. Sinjoro Leroy eĉ tion ne taksus pli alta, se li estus pastro de romanstila baziliko, aŭ de pompa, gotiknava preĝejo. Li estus tre kontenta ankaŭ pri tia misforma vilaĝa preĝejo, el kiuj tiel multaj troviĝas en la franca provinco, kaj kiuj atestas pri ia ĉarme mallerta fervoro. Sed Dio kaj la episkopo decidis alie. Tio estis la kruco de sinjoro Leroy. En ĉi tiu senanima konstruaĵo li devis fari meson, sub ĝiaj ŝablonaj vitrorozoj, antaŭ ĝia altarvando farita el ĉizornamita ligno, antaŭ ĝia hosti-montrilo ne posedanta la sekreton de la sankteco, sur ĝia pavimo konvena por banĉambroj, inter ĝiaj sukerbombon-koloraj gipsstatuoj. Estis tagoj, kiam li sentis pri ili kiel pri la urtiklegomo: volonte li forkurus de ili...

Kaj krome, tiu ĉi kvartalo estis senespere enuiga. Se ne estus tiu konstanta zumego super ilia kapo, pri kiu jam apenaŭ ili atentis, ili eĉ ne kredus, ke estas milito. Krome, ĉi tie nur malmultaj aperis el tiuj murafiŝoj, kiuj ĉiam ekscitis sinjoron paroĥestron Leroy. Ili paradis sur la kolono, de sur kiu ili forpelis la anoncojn de la kinejoj kaj koncertoj, sciigante pri rekrutigo, pri kolekto de fero, aŭ pri la ordonoj de la milico. Ankaŭ la verdajn uniformojn de la okupantoj nur malofte oni povis vidi tie.

— Nu — pensis la pastro —, ni do decidigu nin, — kaj li paŝis en la vestiblon de la preĝejo. Li prezentis al si image tiujn, kiuj lin atendos, liajn klientojn, kiel li nomis ilin ŝerce. Eble sinjorino Guillebouton... la avino Buzevin... la brava Boudard, la ŝtonrompisto... unu-du junuloj el la instituto Sankta Eulalia. Kia pacienco necesas por tio! Sinjoro Leroy dediĉis sin antaŭ Dio ofere al tiu enuo, per kiu jam antaŭe li sentis sin ŝuldanta. Tiom pli, ĉar apenaŭ povis ekzisti io ajn en la mondo, por kio li preterlasus la radion, la nordafrikajn informojn... Sed ankaŭ tiujn li dediĉis ofere al Dio, iom kontraŭ sia emo. En sia paŝo li tuŝis sian rozarion.

Sep personoj lin atendis. Inter ili ses virinoj; kaj sinjoro paroĥestro Leroy, en la krepuska lumo de la lumetantaj kandeloj, en la unua momento rekonis la plej terurajn babilemulinojn. Por momento vekiĝis en li la penso, ĉu li ne troigis iom, jus antaŭe. Li antaŭsciis, de persono al persono, kion diros al li tiuj senindulgaj piaj animoj, en kian mondon de bagatelaj klaĉoj li devos fermiĝi por unu horo minimume. Plenumiĝu via volo, Sinjoro! La pastro iris en la sakristion por sin vesti. Ho tiu ĉi manko de tolaĵoj nuntempe! Kiam li pensis pri la iama beleco de la alboj, pri la delikateco de la iama tolo, duboj ekokupis la sinjoron paroĥestron, ĉu li ne turniĝas troe al la mondaj vantaĵoj, sed, kio necesas, tio ja necesas, pastro devas sin montri bonorde antaŭ la

## SIPO SUR LA ROKOJ

### Reto Rossetti

La povra monstro kuŝas nun inerte,
Kvarante ĝeme sub pugnad' muela;
La korpon lezas la rokar' krenela
Kaj en la flanko krevis vund' aperte.

Ŝipanoj jam forlasis ĝin dizerte;
La ondoj: hundlegio boje pela,
Kun ŝaŭmodentaj buŝoj, en kruela
Klamado ĝin alsturmas predo-certe.

Soviĝas peze kun dolora krako
La korp' giganta en viktima kaŭro,

Kiel sub murda karnivor-atako
La plumpa, kokincerba stegosaŭro,

Aŭ kiel, en la reto de Iago,
Mortonte kuŝis la majesta Maŭro.

parohanoj. Per kio li anstataŭigos sian pastran vestaĵon jam plene tra- kaj traflikitan? Kiom da vestaĵpunktoj oni postulas por pastra vestaĵo! Almenaŭ kvindek! Kaj li ne havas pli ol dudek!

Sidante en sia konfesejo, certe, li sufiĉe distrite aŭskultis la murmuron, kiu venis el post la krado, sub la verda kurteno...: „Patro mia, pardonu miajn kulpojn..." Estas pentofarantoj, kiuj trovas sian ĝojon en tio, ke ili rakontas senfinajn detalaĵojn, plezure grandigante la sensignifajn, kvazaŭ emfazante la neniecon de siaj kulpoj, oni preskaŭ povus diri, ke ili venis ne por konfesi siajn kulpojn, sed fanfaroni pri siaj virtoj. La virto, ĝi estas granda vorto!... Sinjoro Leroy pensis pri la akacioj de la ĝardeno kaj pri tio, kiel bone estus nun ŝakludi kun la parohestro de V... Se tiu ne havus la malagrablan fiksan ideon, ke li ĉiam parolas pri politiko... Ankaŭ pri tio li demandis sin mem, kvankam li ne estis tre malsata, ĉu Maria faris jam por morgaŭ la urtikon kun viando. Subite li konsciiĝis pri sia senatento, li faris demandon al la konfesantino, ne la plej trafan, kaj li hontis. La direktanto de la konsciencoj devus pli bone sin priatenti: „Mia filino, preĝu do dek Patro-Niajn kaj dek Ave-Mariajn..."

Nun alia voĉo ekparolis, el post la dekstraflanka krado. La sinjoro parohestro fortiris la kurtenon por ĉirkaŭrigardi, ĉu sur la preĝobenko, apud la konfesejo, iu ne perdis la konfesemon pro la atendado. Bedaŭrinde! ...la vojon de tiu ĉi lia devo ŝajne li devos trairi ĝisfine. La pastro devigis sin pli bone atenti, li provis interesiĝi pri la senhelpa balbutado. Post la eluzita kurteno li vidis la palpebruman lumon de la kandeloj kaj li ne povis sin reteni de la penso, kia luksa elspezo estas la sebo nuntempe, kiam mankas sapo... Ĉu estas certe ke tiel agrable estas por la Sankta Virgulino vidi, ke senutile forfumas tio, kion oni povus ankoraŭ utile uzi?... Sed li forpelis tiujn danĝerajn pensojn... „Per penso, per faro aŭ per neplenumo..." Kio? Ho! Komprenebla! „Mia filino, ne plendu pro tiaj aferoj, kiuj ja estas tre naturaj..."

Tiel ili iris vice al la konfesejo en la falanta krepusko, kaj la juĝejo diris sian decidon jen dekstren, jen maldekstren. Ĉi tiun vesperon sinjoro parohestro Leroy speciale sopiris je tio, ke li jam povu liberiĝi, ke li povu sencele promenadi sur la stratoj, ke li enspiru la odoron de la floroj, kiuj tiel abunde inundis tiun ĉi kvartalon. Jam dufoje li esperis, ke li jam finis, sed li devis rimarki, ke li trompiĝis pri la nombro de la atendantoj. Finfine, jam vere la lasta devis esti tiu brava virino, kiu akuzis sin pri tio, ke ŝi trompis la spiciston de D. T., ĉar ŝi volis akiri tomato-konservaĵon, kaj plej stulte en la afero estis, ke post du semajnoj la vendadon de la tomato-konservaĵoj oni faris libera, tiel do... Nun kvazaŭ ian malcertan moviĝadon rimarkis la pastro en la preĝejo. „Do, vi vidas, mia kara filino, la trompo ne estas bona negoco, la Ĉielo volis pruvi al vi la senutilecon de la mensogo... Tamen ĝi estis via kulpo, grava en siaj intencoj, kvankam, feliĉe, pardonebla, ĉar ĝi ne sukcesis kaj ne malutilis al la persono, kiu..." Li levis la kurtenon. Iu movis la seĝojn. Kio estas tie? Jam neniu atendis je konfesigo. „En la nomo de la Patro kaj Filo..." Iom maltrankvile li forpermesis la maljunulinon.

Kiam li forlasis la konfesejon, en la dekstraflanka niĉo li rimarkis viran piedon sub la kurteno. Ĉu tamen li eraris en la kalkulo? Ankoraŭ unu konfesanto? Sed en la ĥorejo de la preĝejo estis pluraj, kiuj parolis laŭte. Li suprentiris siajn brovojn. Kion signifas tio? Li paŝis antaŭen.

Tri policanoj estis tie kaj du civiluloj. El la angulo de siaj okuloj ili observis la maljunulinon, kiu forlasis la konfesejon, sed ili lasis ŝin pluiri.

— Kion vi deziras, sinjoroj? — demandis sinjoro Leroy dignoplene.

Ekzistas voĉo, kiu estas nek laŭta, nek mallaŭta. Kiu havas la misteran povon, ke ĝi estas aŭdebla en ĉiu angulo de la katedralo kaj tamen impresas tiel, kvazaŭ ĝi estus flustrado. La policanoj haltis, senkuraĝiĝite.

— Sinjoro parohestro — komencis la unua.

Unu el la civiluloj tranĉis liajn vortojn:

— Denove oni faris atencon en V., ĵus nun, bombo... kaj unu homo, kiun ni vidis fuĝi, eble kaŝiĝas ĉi tie en via preĝejo...

## ĈE LA URBORANDO

Attila József

Ĉe la urborando, kie nun mi vivas,
se la krepusko descendas,
per molaj flugiloj, kiel etaj vespertoj,
la fulgo flirte flugpendas,
kaj ĝi dure kaj dike, simile al guano,
sur ĉio eksedimentas.

La animon same ĝi epok' sursidas,
kaj kiel sur la tegmenton
el lado breĉita nur vane alsendas
la pluvoj pezan torenton,
la tristo ne povas de l' koro forlavi
stoniĝintan sedimenton.

Ĉu sango ĝin lavos ? Jen kiaj ni estas:
gent' nova, nova armeo,
malsame la haroj gluiĝas al kapo,
malsamas nia ideo,
malsamas prononco. Ne dio, nek menso,
sed karbo, fero, oleo,

la materio reala nin kreis,
verŝinte nin al la fundo
de fandformiloj de hida socio,
sovaĝajn, ardajn, ke nun do
ni firme tenu nin por la homaro
sur la eterna grundo.

Jen kiel post pastroj, soldatoj kaj burĝoj
nun iĝis ni la fidelaj
leĝplenumantoj; kaj tial la senco
de ĉiu homverko per ŝvelaj
sonoroj en ni zumegas kiel
akordoj violonĉelaj.

Neekstermeblajn ja tiel multege,
kiel nin, de post la apero
de l' sunsistemo, oni ne ekstermis
sur la grandpasea tero,
vizitis la hejmojn malsato, armilo,
bigoteco kaj ĥolero.

Humiligita en tia grado
neniam estis venkonto,
kiel vi ofendis nin sub la steloj
per humiliga honto.
Al ter' ni rigardis. Al ni apertiĝis
ties grandsekreta fonto.

Jen kiel la kara estaĵ', la maŝino
eksovaĝis ĝis rabio:
fragilaj vilaĝoj frakasiĝas kiel
sur flak' la febla glacio,
ĉieltondras, mortero de urboj defalas,
se ĝi saltas por funkcio.

---

En lia parolo estis io nedifinebla, li parolis bone la francan, sed en lia prononco embuskis ia duro... Sinjoro Leroy respondis kun granda trankvilo:

— Nu, do serĉu lin, sinjoroj, — nur serĉu lin... Sed vi povas vidi, ke neniu estas ĉi tie...

Li haltis.

— ...krom mia lasta pentofaranto, kiu jam de tri kvaronhoroj atendas, ke mi donu al li la absolvon. Se vi permesos, mi daŭrigos lian konfesigon.

Unu momenton li hezitis en la duonlumo. Lia koro bategis. Li bone aŭdis la angoran spiradon de la viro, en tiu flanko, kie preterirante li rimarkis la ŝuojn. Kompatindajn ŝuojn, kun difektiĝintaj kalkanoj; ili jam bezonus fundan riparon. Li pensis pri tio, kion li ĵus aŭdis, pri la stranga historio de la spicisto de D. T. kaj pri siaj propraj vortoj: „La trompo ne estas bona negoco." Sed li jam ne estis tiel certa pri tio, eble moviĝis en li ankaŭ iom da scivolo. Li decidis: li malfermis la dekstraflankan fenestron, kovris la okulojn per la mano por pli bone kolekti siajn pensojn:

— Parolu, mia filo, mi vin aŭskultas.

Li aŭdis iron-venon en la preĝejo. Sinjoro Leroy vidis en imago, kiel oni malfermas la pordon de la sakristio. La sakristiano devas esti tie. Sed tiam la voĉo de la viro ekparolis tute proksime, profunde sufokita. „Sinjoro pastro, mia Patro..." Li devis esti tia homo, kiu ne kutimas ofte babili kun pastroj, sed kiu tamen eltrovis, ke li alparolu lin „Mia Patro"... Eble en sia infanaĝo li konfesis tiel: „Pardonu, mia Patro..." Ankaŭ nun li ĝin diris tiel, kiel li ĝin rememoris, aŭ povas esti, ke li volis simple ekskuzi sin pro tio, ke li rifuĝis ĉi tien. —

Kiu — ĉu l' bienulo? — la hundon sovaĝan
de ŝafisto deadmonas?
Kun ni ja infanis, kun ni ja pleukreskis
la maŝin'. Ni ĝin disponas,
obeeeman beston. Nu, ĝin kvietigu,
ĝian nomon ja ni konas.

Ni vidas jam: baldaŭ vi ĉiuj vin ĵetos
sur la genuojn treme,
kaj al ĝi, kiu estas por vi nur posedo,
ekpreĝos vi pieme,
sed sole al tiu ĝi estas sindona,
kiu ĝin nutradis meme.

Jen ni, infanoj de la materio!
Suspekteme ni nin kuntenas.
Nian koron levu! Ja, kiu ĝin levos,
al tiu ĝi apartenas.
Tiele forta ja povas esti,
nur kiu per ni plenas.

La koron supren, ek, super uzinojn!
Tian grandan, fulgan koron
nur spertis, kiu sunon vidis droni
en ties fuman vaporon,
kaj kiu de l' ŝaktaj profundoj de l' tero
jam aŭdis pulsosonoron.

Hej supren, supren! Sur ter' dividita
pro nia spiro ŝancela
jam jelpas, vertiĝas la lataj bariloj,
kiel en ventego anhela.
Plu blovu, alblovu! Kaj supren la koron!
Ĝi fumu en alto ĉiela!

Ĝis nia belega kapablo: la ordo
klariĝos en ilumino,
per kiu konscios la homintelekto
pri l' finohava senfino,
pri fortoj produktaj en mondo ekstera,
kaj pri l' instinktoj en sino.

Ĉe la rando de l' urbo, la poet', la pareneo,
per tiu ĉi kant' kriegas,
kaj rigardas, ke l' fulgo falanta, falanta
plu mole kaj grase gregas,
kaj dure kaj dike, simile al guano,
sedimente ĉion tegas.

Lia vort' kiel vitro rompita tintadas,
sed (inĝenier' de magio
de l' mondo donita) li jam enrigardas
futuron de luma konscio,
kaj li en si kreas, kiel vi ekstere,
la mondon de harmonio.

El la hungara: K. Kalocsay

---

Mi aŭskultas vin, mia filo . . . — respondis la konfesprenanto. Paŝoj proksimiĝis al la konfesejo. La paroĥestro sentis, ke la genuanto streĉiĝas, preta rifuĝi. Li flustris: — . . . Atentu . . . silentu . . . — kaj li leviĝis por kontraŭveni al tiu, kun kiu li jus intertraktis meze de la preĝejo.

— Kion vi deziras ankoraŭ, sinjoro? — li demandis, ĉi foje tre laŭte, per la voĉo de tiuj pastroj, kiuj alkutimiĝis laŭte paroli en sia propra preĝejo, kie ili kutimas prediki kaj fari rimarkojn pri la buboj lernantaj la katekismon.

La alia stariĝis antaŭ lin tiel proksime, ke ilia korpo preskaŭ tuŝis unu la alian. Lin surprizis la subita apero de la pastro kaj li retiriĝis. Li respondis mallaŭte:

— *Entschuldigen Sie* . . . Pardonu, sinjoro pastro, mi volis nur . . .

Iom da kontentiĝo ekvibris en la pastro, kontentiĝo de tia homo, kiu ne kutimas trompiĝi. Li komencis laŭteĝi:

— Finfine, kion vi opinias, sinjoro, kie vi estas? Ĉu vi permesas, ke mi faru mian servon? Jes, aŭ ne? Mi havas ĉi tie konfesanton, ŝafidon, pri kiu mi estas respondeca, li jam atendas ĉi tie de tri kvaronhoroj . . . Kaj mi dezirus jam vespermanĝi, urtiklegomon, se vi deziras scii, kaj nun mi volus, ke vi laŭeble plej rapide forportu vin de ĉi tie . . .

La policanoj revenis.

— Ni trovas neniun — diris unu el ili.

La germano interŝanĝis kelkajn vortojn kun la alia civilulo.

— Mi avertas vin — diris la pastro — ke la preĝejo havas ankaŭ alian malgrandan pordon en la kapelo de Sankta Johano Baptanto.

La ceteraj, ĉiuj samtempe, rigardis al tiu direkto. Tio estis vera, sed tiel do . . .

— Ĉu vi lasis homojn ekstere, kaporalo?

La kaporalo respondis jese. La tuta grupo

ekiris al la kapelo de Sankta Johano, tenante en mano sian ĉapon, ĉapelon. Sinjoro Leroy vidis ilin malproksimiĝi, malaperi. Li ridetis en si mem. En liaj oreloj ekmuzikis la Gloria. Ĉiun senton li perdis pri tio, ke li faris kulpon. Li adaptis sin al la gloro de sia mensogo kaj nur lia vanto kreskis per ĝi. Kaj, kio estis eĉ pli malbona, li surprizis sin, ke li pensas pri la konfeso de tiu homo. Nu jen! Li eĉ akceptas ĝin kun certa jubilo. Sed kiam li revenis, la pseŭdo-konfesanto jam staris post li, en lia pendanta mano ne estis ĉapo. La lumo de la kandeloj jetis ombron sur lian vizaĝon.

— Ĉu vi ne deziras konfesi? — demandis sinjoro Leroy, kun iom da senreviĝo en la voĉo.

— Sinjoro paroĥestro — diris la homo, kaj, Dio mia, kiel profundsonora estis lia voĉo, kiom ĝi ŝajnis erupti el la profundo de lia estajo, preskaŭ vibrigante tiun ĉi larĝan kaj fortan korpon, tiun ĉi staturon memorigantan pri ŝarĝaŭto-ŝoforo, aŭ pri soldato! — Sinjoro paroĥestro, mi vin dankas por via bonvolo: sed mi kredas, ke estos nun plej bone, se mi forvaporiĝos . . .

— Se vi nun foriros, mia filo, vi venos en iliajn manojn.

Dum certa tempo li insistis pri la alvoko al la konfeso, kvazaŭ plilongigante tiun situacion, en kiu li havas la superecon. Sed tuj li faris en si kalkulon pri tio, kaj akuzis sin, ke mankas al li la vera kristana mizerikordo . . .

Denove li korektis sin, tre milde.

— Mia infano . . .

La „infano" gratis sian kapon.

— Mi estas en la peĉo — li diris kun konvinkiĝo, poste subite li sentis la bezonon sin ekskuzi. — Mi estis devigita je tio, sinjoro pastro, mi ne volis vin ofendi . . . ĉiu havas sian propran konvinkiĝon . . . Sed mi ja ne povis fari alimaniere!

Evidente li ekskuzis sin pro tio, ke li sidiĝis ĉe la konfesejo, li, la senkredulo, kiu ne kutimas konfesi . . .

— Mi komprenas, mi komprenas — konsentis la pastro —, estas ja kompreneble. Mi vere ne volis fruktuzi la situacion . . .

La alia ne komprenis tiun ĉi frazon. Kaj vere, la frazo ne estis tre komprenebla. Sed estas momentoj, kiam estas egale, kian superfluaĵon oni diras, ĉefe estas, ke oni diru ion.

— Ĉu vi ne aŭdis pri tio — li demandis — ke estas ĉi tie flaristoj?

— Ĉu estas ĉi tie? Ne. Mi aŭdis nenion tian.

— Hm — spiregis la junulo —, mi ne volus esti mistrafinta ilin.

Sinjoro Leroy bone lin rigardis. Li ŝajnis tre brava junulo, kiu ne amis la duone faritan laboron. La pastro riskis timeme:

— Ĉu la boŝoj?

— Nu? — diris la alia. — Kaj se ne ili? Estas egale!

Evidente la demando estis stulta. Por ĝin forgesigi sinjoro Leroy aldonis:

— Do bone . . . Kaj kion vi intencas fari?

— Nu, kion? — Se vi permesas, mi atendos ĉi tie, en bela silento, en iu angulo.

Samtempe ili ekridis.

— Neniel! — diris la pastro. — Kaj se la kaptistoj revenos?

La alia faris evitan geston. Poste li kvazaŭ mezuris la preĝejon per la okuloj, por ĝin taksi el la vidpunkto de la atendebla lukto. La pastro skuis la kapon.

— Ne, ne. Tio neniom estus pli bona . . . Venu kun mi, ĉi-direkte: el la sakristio oni povas veni al mi . . . al la paroĥejo . . .

La homo ne lasis sin inviti dufoje. Denove li ekparolis.

— Ho, negrave. Tio estas tre afabla . . . de pastro . . .

La akaci-arboj odoris tiel forte, ke povas esti, ke la bona Dio konsentis kun ili.

La maljuna Maria levis la brakojn al la ĉielo, kiam la sinjoro paroĥestro sciigis ŝin, ke li havas gaston por vespermanĝo. Nu, la sinjoro paroĥestro ĉiam faras tiajojn. Li diras, ke mi kuiru ian facile digesteblan vespermanĝon kaj poste li portas al mi gaste la tutan mondon.

La priparolita „tuta mondo" iom surprizis ŝin. Sed ŝi demandis nenion. Ŝi rapidis en la kuirejon, de kie baldaŭ oni povis aŭdi serĉadojn, tiradon de potoj, tintadon de teleroj.

— Mi timas — diris la pastro —, ke ni havos por vespermanĝo nur urtikon. Sed, la milito . . . Ĉu vi ŝatas ĝin, la urtikon?

La alia iom grimacis.

— Vi volas diri, ortekon? Nu, mi preferas la terpomon frititan en lardo, sed ankaŭ la orteko ja ne estas malbona... Ĉiuokaze ĝi estas pli bona ol la rapo.

— Mi ne dividas vian opinion — protestis sinjoro Leroy —, la rapo, vere, nur miksita kun terpomo... Kaj krome, vi prononcas malĝuste „orteko": ĝia nomo estas urtiko.

— Ĉiu havas sian propran konvinkiĝon. En mia regiono oni diras „orteko".

Subite ambaŭ ekridis. Sed nun tio ne estis tiu eta, seka rido, kia jus en la preĝejo. Ĝi estis granda sincera ridego, kiu skuas la internon de la homo. Ili ne povis kvietiĝi. Ili estis en la kontoro de la sinjoro paroĥestro, kaj la granda krucifikso, sur la verdvelura fono, de supre rigardis la scenon. Sinjoro Leroy viŝadis siajn larmajn okulojn. Nun li vidis la unuan fojon en plena lumo la vizaĝon de sia vizitanto. Ne tiom la fortika mentono karakterizis tiun vizaĝon, kiom la grandaj, bubecaj okuloj,, kiuj ĉion observis, tiuj brunaj viglaj okuloj, kaj tiuj kelkaj lentugoj sub la nazo. Se ne estus tiu malgranda falto tie, apud la buŝo, oni povus diri, ke li estas blankbekulo... Sinjoro Leroy repensis pri la vizaĝaĉo de tiu alia, de tiu longa ĉielskrapa stango, de tiu Entschuldigen-Sie-michfiguro kaj li pesadis la diferencon. Tiajn figurojn, kia ĉi tiu, li ĉiujare vidis ne malmultajn ĉe la katekismo. Petolajn bubojn, kiuj brue sin puŝadis, ludis per globetoj, parolis en ne tre distingita lingvo kaj friponetis kun la knabinoj. Poste ili kreskis kaj estis pli malofte videblaj en la preĝejo. Se ili lin renkontis, ili ne ĉiam, aŭ per ŝultromovo lin salutis kaj tiu ilia korpa facileco ĉiam pli evoluis, pri ili oni ekatentis, kiam ili preterrapidis sur biciklo, aŭ ie sub la fenestro de bubinoj... Kaj ili jam havis tian vizaĝon, kian ilia patro havis nur antaŭ-nelonge.

— Ĉu vi fumas?

Kompreneble, ke li fumas! Ĉi tie ne ekzistis rifuzo. La paroĥestro invitis sian gaston en la malaltan repso-fotelon.

Sur la vizaĝo de la alia brilis ĝojplena esprimo. Li fumis, disetendiĝis kaj denove ripetis:

— Ĉiu havas sian propran konvinkiĝon... ĝuste oni diras, ke ĉie troviĝas homoj bravaj... Sed oni ĝojas, vidante, ke tio estas vera... Ĉiu havas sian propran konvinkiĝon...

Kaj estus dece, ke oni persistu. Sed sinjoro Leroy konstatis en si, ke estas vana peno eksperimenti pri la konverto de tiu ĉi bubo. Cetere, tute aliaj aferoj estis en lia kapo. Ili ambaŭ estis kontentaj, ĝuste tial, ĉar tiel diversmaniere ili pensadis pri multo. Se ekzemple sinjoro Leroy ne estus pastro, nu, tiam la afero ne estus tiel bonhumora. Kaj siavice... do, la pastro pensis, ke la tuta afero okazis nur por tio, ke doniĝu eblo por la gajno de animo, por la Eklezio. Kaj la granda Kristo, sur la verda veluro, kvazaŭ aprobe lin rigardis.

Sed la pensoj de la brava paroĥestro tamen turniĝis al alia direkto. Jam du- aŭ trifoje li serĉis la formulon, sed li ĝin ne trovis. Tiam, pliproksimen puŝante sian seĝon, tute familiare li frapis sur la femuron de sia gasto kaj turniĝante al li kun demandaj, friponetaj okuloj, li diris:

— Nu, kaj ... inter ni... kiel do estis pri tiu bombo?

El la franca: *L. Lélinois*

## MARTO

### Lajos Áprily

Ellogis la brulo de l' suna okulo
La knabon sur monton. Li staras sur pint',
Kaj rida, ĝojtikla, subkrias per vigla
Pravok' „evoe"' al la val-labirint'.

Put' sekiĝinta, lag' vekiĝinta
Pleniĝas per akvo, inundas al kamp',
Eta paruo karbkapa kun ĝuo
Disŝutas daktilojn de ĝoj-ditiramb'.

Silka amento flirtas en vento,
Kornusoj ekflavas per floro-disfald',
De l' firmamento fluas kurento,
Ektimas surmonte la neĝo de l' alt'.

Fluetoj kun tintoj kuras de l' pintoj
Al pigra rivero en vigla humor',
Sonoras la fontoj, sonoras la montoj,
Sonoras, sonoras, sonoras la kor'.

El la hungara: **Kolos Imbán**

# OMAR KAJJAM

Skizeto

de G. Waringhien

Omar ibn Ibrahim el Khajjami (aŭ Kejjam) en Nisaburi, kiun la okcidentanoj konas sub la malpli longa nomo de Omar Kajjam, naskiĝis apud Niŝapur, en la nord-orienta parto de la persa lando, ĉirkaŭ la 430a jaro post la Heĝiro (= A. D. 1040). Li studis en la universitato de tiu urbo, kune kun du kamaradoj, kiuj ankaŭ fariĝis famaj: Hassan Sabbah, la posta „Maljunulo de la Montaro" kaj estro de la terora sekto de la haŝiŝanoj (de kie la franca „assassin"), kaj Hassan Tusi, la posta veziro de la tuta persa sultanejo, pli konata sub la honortitolo Nizam ol Molk. Dank' al la protekto de tiu lasta, Kajjam povis tute dediĉi sin al la astronomio kaj pruvi sin unu el la plej grandaj matematikistoj en sia tempo; tial la sultano Melik Ŝah Ĝaleddin komisiis al li la reformon de la persa kalendaro, el kio rezultis la nova erao, nomata Ĝalalia kaj komencita en la 471a jaro post la Heĝiro (= A. D. 15 Marto 1079). Li ankaŭ verkis diversajn algebrajn traktatojn, kaj, post unu pilgrimo al Mekka, li fine mortis, ŝarĝita je honoroj, en 517 (=A. D. 1123), proksimume en la sama tempo, kiam la unua moderna filozofo, Petro Abelardo, konatiĝis kun sia fama amatino, Heloiza ...

Se hodiaŭ la nomo de Omar Kajjam ne estas forgesita, tion tamen li ŝuldas ne al sia longa scienca laborado, sed al kelkaj malgrandaj poemetoj, kiujn li senzorge semis tra sia vivo, laŭ la hazardo de la solecaj inspiroj aŭ de la ekscitaj konversacioj — gutoj el pura poezio, kiuj lin eternigis.

Cetere kurioza estas la enhavo de tiuj versokvaroj: radikala pesimismo, kiu ŝajne kondukas al plej vulgara epikurismo kaj skeptikismo, tie miksiĝas kun amfervora rezignacio al la benata volo de Dio. Por klarigi tiun kontraŭdiron, liaj orientaj malamikoj same kiel liaj okcidentaj admirantoj ordinare supozas, ke Kajjam kaŝis tro aŭdacajn opiniojn sub la vualon de mistika hipokriteco. Sed se oni memoros, ke Kajjam apartenis al raso, kiu de tre antikva tempo honoris la ebriigajon kiel sakramenton (la sankta „haoma" de la Zoroastrismo kaj poste de la Mitraismo), kaj se oni komparos liajn versojn al analogaj, pli netaj deklaroj de iuj liaj samtempuloj („Ĉe la ebriuloj — eksciu tion, amikoj! — vi povas klare legi, ke tie estas unuiĝo al Dio, kie la propra esto plu ne ekzistas" — Mahmud), oni prefere supozos, ke Kajjam adeptis la suffiismon, tiun specon de islama kvietismo, kiu serĉas en la ebrio perdon de la konscio kaj fandiĝon en la Dia spirito.

Ĉiel oni ne devas postuli de poetoj severan logikon, precipe se temas pri orientaj poetoj: pri ili aparte menciinda estas la averto de Gobineau: „Oni devas rigardi ĝenerale la konsciencon de aziano kiel kunmetitan el jenaj religiaj kaj filozofiaj ingrediencoj: 1º unu, preskaŭ nuda, titolo de religiano; 2º pli au malpli forta kredo al kelkaj instruoj de la konfesata kulto; 3º firma kontraŭstaro al multaj aliaj el tiuj instruoj, eĉ esencaj; 4º aro da ideoj apartentaj al tute fremdaj teorioj, okupanta pli au malpli da loko; 5º konstanta emo favori la translokigon de tiuj ideoj kaj anstataŭigi la malnovajn per novaj ..." („La Religioj kaj Filozofioj en la Centra Azio" pĝ 10.)

*

La poemetoj de Omar Kajjam estis malkovritaj en 1859, de angla poeto, Edward Fitz Gerald, kiu tradukis, kun granda libero kaj kelkaj kontraŭsencoj, 49 kvarojn de Kajjam, aldonante 61 aliajn el propra inspiro. Lia poemo estas ĉefverko de la angla literaturo, sed prezentas tute ne ĝustan bildon de la persa originalo. Oni devis atendi ĝis la eldono de Christensen (1905), por disponi fidindan tekston: ĉar la prestiĝo de la Niŝapurano altiris al li multajn imitantojn, kaj ofte okazis, ke la modernuloj atribuis al la majstro tion, kio apartenas nur al liaj disĉiploj, aŭ eĉ al liaj malamikoj. El la 1213 kvaroj, prezentitaj de la ĉefaj manuskriptoj, Christensen konservis nur 121 kiel aŭtentajn; el ili la plej signifajn mi tradukis. El la ceteraj, kies atribuo estas malpli certa aŭ duba, mi tradukis nur esceptokaze.

*

La originala poemeto, nomata „rubaj'" au „robaj'", konsistas el kvar dektrisilabaj versoj, formitaj de tri ĥorjamboj kun antaŭa longa silabo (en efektivo la orientanoj nomas hemistiko, duonverso, tion, kion ni nomas verso — sed tio estas nur afero de terminologio): mi elektis la aleksandron, kiu en nia lingvo havas iel analogan longon kaj valoron. El tiuj kvar versoj rimiĝas la unua, dua kaj kvara; ofte la rimo troviĝas interne de la verso, kaj la postaj vortoj estas ĉiufoje ripetitaj: tiun aranĝon mi ofte konservis. Fine, la persa poezio tre ŝatas la vortludojn: tiun efekton mi penis redoni nur unufoje (nº 44), ĉar ĝi estas tro fremda al nia gusto.

*

En la ĉi-subaj tradukoj renkontiĝas kelkaj lokaj apartajoj, kies signifon oni bonvolu noti:

*Ruinoj:* drinkejo, kiu en la persaj urboj troviĝis en la eksteraj kvartaloj, inter la ruiniĝintaj domoj. — *Behram, Gem, Kejgobad:* antikvaj persreĝoj. — *Rado (ĉiela):* la irado de la mondo,

simboligita per la neŝanĝebla rondiro de la zodiako. — *Duobla eterno:* tiu, kiu antaŭis nin, kaj tiu, nin postiros. — *Faroj:* la eksteraj montroj de la kredo. — *Perloj de la devoto:* oni memoru, ke la rozario estas de orienta deveno. — Fine, oni memoru, ke la islamanoj lavas la mortintojn antaŭ la eneterigo (kp. nro 98) kaj kredas je la releviĝo de la korpoj (kp. nro 54).

La numeroj de la kvaroj referencas al la eldono de Christensen.

## RUBAJOJ DE KAJJAM

3.

Kajjam, se vin ebrio de vino vestas — ĝoju!
Se tulipvanga juno ĉe vi siestas — ĝoju!
Ne mordu vin la penso pri la morgaŭa morto:
Supozu vin senesta, kaj, ĉar vi estas — ĝoju!

6.

Sen ia metaforo — vere, l' afero netas —
Laŭ la ĉielkaprico ni nur marionetas:
Ni ludas la roleton sur la tapiŝ' de l' vivo,
Kaj la Neni' en keston unuope nin remetas.

11.

„Inferen la drinkulojn!" jen ilia devizo:
Por ĉiu sana menso mensoga kateĥizo.
Ĉar se la fajr' ekstermos amantojn-ebriulojn,
Tutnuda kiel mano estos la Paradizo!

22.

Ha! povra koro, kie ne ardas ama brulo,
Kiu ne turmentiĝas por ĉarma idolulo!
La tago, kiun tutan pasigus vi sen vino,
Jen tago forperdita por vi, jen vera nulo!

28.

Se eble, havi bulon da purtritika pano,
Ŝafidan kruron, kruĉon da vino ĉe la mano,
Kaj sidi ambaŭ en la soleco de l' Ruinoj —
Viv', kiun ĝui povas ne ĉiu ajn sultano!

29.

Al lamaej', moskeo, kapel' kaj sinagogo
Terur' estas Infero kaj Paradiz' allogo.
Sed kiu konas Dian sekreton, ja neniam
Semis en sian koron ĉi semon de mensogo.

32.

Je l' Tag' unua estis skribite, ke mi venos;
Oni min de ĉi tie sen mia vol' deprenos.
Staru kaj zonu lumbon, mia Verŝisto lerta:
Por lavi min de l' teraj bedaŭroj, mi festenos!

37.

Ondo ĉe la rivero, ĉe l' duno ventzigzago,
Jen unu tag' forflugis de mia vivo-vago:
Sed pri du tagoj zorgis neniam mia imago,
Pri l' tago plu venonta, pri l' jam pasinta tago!

38.

Ĉi kruĉo estis iam amant', kiel mi mem,
Por ĉarmaj junaj bukloj sveninta de amem'.
Kaj tiu anso, kiun vi vidas ĉe la kolo,
— Brako eternigita en sia milda prem'...

44.

La halo, kie Behram gajigis sin per vin',
Estas loĝata nun de gazelo kaj vulpin' —
Kaj Behram, kiu laze kaptadis la ĉaminojn, —
Jen vidu: l' aĉa mino de l' mort' jam kaptis lin!

50.

Ĉar la morgaŭan tagon neniu tenas mane,
Gajigi vian koron rapidu voluptane:
Je la lunklaro drinku, ho bela Luno! vinon,
Ĉar lumos plu la luno, sed nin ja serĉos vane!

51.

Ĉar la printempa nubo rosumas sur tulipoj,
Staru kaj levu glason al viaj rondaj lipoj:
Ĉar tiu ĉi verdaĵo, hodiaŭ tiel plaĉa,
Kreskos el viaj morgaŭ forpolviĝontaj ripoj.

53.

Ĝis kiam nin katenos Racio ŝima, ej!
Ĉu gravas, ke ni vivos plej longe aŭ malplej?
Verŝu en mian glason la vinon, antaŭ ol ni
Fariĝos kruĉ' argila en la potfarej'!

54.

Drinku la vinon! Baldaŭ vi dormos ja sen fin',
Sen kamarad', sen gasto, amiko aŭ edzin'!
Atentu: al neniu konfidu ĉi sekreton —
Ĉia tulip' velkinta ne plu relevos sin.

64.

Ĝis kiam mi plu devos la maron erpi, ve!
Min naŭzas l' idolamaj bigotoj de l' moske'.
Inferen iros Kajjam, ili diradas. Nu, de l'
Infer' aŭ Paradizo kiu do venis re?

70.

De kiam ekturniĝis ĉiela Rad' bobena,
Ĉu eble ŝati ion super la vin' rubena?
Kaj mi sincere miras pri l' vinvendisto: kion
Pli bonan li aĉetas, ol lia vendo bena?

73.

Sufiĉe da disertoj pri duobla Eterno!
Scienc' kaj Faroj — tion ne kaptas mia lerno.
Por nin gajigi, sola efikas nur la Vino:
Ĉiaj nesolveblajoj solviĝas en taverno.

77.

Gravurojn de l' kaliko, kiujn li mem cizelis,
Neniam ebriulo volonte formartelis.
Tiujn piedojn ĉarmajn, ĉi kapojn delikatajn
Kombinis kia amo, kia malam' muelis?

83.

Pro l' bono kaj malbono en la homara sin',
Pro l' ĝojo kaj doloro ĉe Fato aŭ Destin'
La Radon ne akuzu: en spiritvoj' ĝi estas
Pli senkonsila ol ni, por orienti sin!

84.

Se drinkas mi, la kaŭzo ne estas la volupto
Nek mia malpieco nek mia morkorupto:
Mi volas nur momente elgliti el mi mem,
Jen kial mi ligiĝis al Vin' en sankta nupto!

85.

Ho Majstro, kiu zorgis pri tia bela skulpto,
Kial ĝin jeti ruba sen la preĝ-aŭskulto?
Se estis ĝi senmanka, pro kio rompi ĝin?
Kaj se ĝi malperfektis, al kiu do la kulpo?

94.

De mia ven' la Mondo nenian bonon tiras;
Ĉu do foriron mian ĝia prestiĝ' aspiras?
Al miaj du oreloj ĝis nun neniu flustris,
Kial mi venis iam kaj kial mi foriras...

97.

La karavan' de l' vivo, kiel sur voj' ĝi pasas!
Ekkaptu la minuton da pura ĝoj': ĝi pasas!
Verŝisto, kial zorgi pri la morgaŭ' de l' gastoj?
Rapidu kun la vino, ĉar nokto, oj! ĝi pasas...

98.

Amik', el vinkaliko nutradi min ne pentu;
Miajn sukcenajn vangojn rubene ruĝaj pentru;
Kaj kiam mi formortos, per vino lavu min
Kaj el la vinberligno ĉerkon al mi ĉarpentu!

103.

Ĉar la profit' de l' homo, en ĉi gastej' duporta,
Estas nur kore sangi kaj agonii morta,
Feliĉa tiu, kiun la mond'- neniam konis!
Trankvila, kies bona patrin' iĝis aborta!

104.

Mi perlon de l' devoto neniam surŝnurigis,
Je peko-kot' la vangon neniam mi purigis.
Tamen mi plu esperas en Via pardonemo,
Ĉar Dian unuecon neniam mi plurigis!

108.

Ĉi man' sur la pokalo, l' alia sur Korano,
Adepto jen de l' sankto kaj jen de la profano,
Mi estas, sub la volbo el turkisa lazuro,
Nek plena senkredulo nek pura muzulmano.

114.

Ni venas, ni foriras: la fina sumo — kie?
El nia viv' ŝpinata, la teks-plenumo — kie?
En la orbit' de l' Rado tiom animoj puraj
Forbrulas kaj cindriĝas: kaj ties fumo — kie?

120.

De via malamego plenplenas ĉia diro,
Sendia kaj hereza min tenas via diro.
Nu, mi konfesas esti... kio mi estas; sed
Ĉu ja al vi, sincere, konvenas tia diro?

121.

Laŭ venoj de l'printempo kaj svenoj de l' aŭtuno
Forturnas sin la paĝoj de nia vivo-runo.
La vinon, ne l' ĉagrenon sorbu! Ĉar diris Saĝo:
Kontraŭ ĉagren-veneno la Vin' estas imuno.

**Dubaj**

1.

Ĝoju! Ĉar vivo estas nur efemer' — jen ĉio.
Kejgobad, Ĝem fariĝis la polver' — jen ĉio.
Kian valoron havas la homo kaj la mondo?
Nur sonĝo, iluzio, ombro, ĥimer' — jen ĉio...

5

La mikskoloran Teron trairas unu homo
Milda, kiu ne pias al Mekka nek al Romo.
Pri vero li ne kredas, nenion li asertas.
De tiu brava, kio sur Ter' estas la nomo?

6.

Ribela, mi? — Sed kie via potenc', ho Caro?
En mia kor' noktiĝas? — Sed kie via klaro?
Edenon vi donacas al viaj obeantoj?
Estas nur interŝanĝo! — Kie via bonfaro?

7.

La mond'? En la senfino nur polva molekulo.
La sumo de l' scienco homara? Vortnebulo.
Popoloj, bestoj, floroj de l' sep klimatoj? Ombroj.
La rezultat' de via medit' konstanta? Nulo.

# Monta legendo

N. Teleŝov

Mateniĝis; fariĝis pli lume. Malproksime en la horizonto vidiĝis neĝkovritaj suprajoj de montara ĉeno, similantaj aron da malproksimaj grizaj nuboj kun superstarantaj Elbruso kaj Kazbeko. Halimo sidis ekkaŭrinte apud la fajro kaj ion mallaŭte kantis, ion nekompreneblan kaj malgajan, kvazaŭ plorlamentante.

„Pri kio vi kantas?"

„Pri la montoj. Estas tia kanto".

„Malgaja?"

„Kiu scias? Eble tio neniam estis. Sed, eble estas vera okazaĵo. Kiu scias!"

Sub krakado kaj siblado de la malsekaj brančoj Halimo rakontis al mi sian kanton pri malproksima pasinteco, pri nememoreblaj tempoj, kiam ne estis neĝo kaj glacio sur la kaŭkazaj montospinoj kaj montamasoj staris kun siaj nudaj ŝtonsuprajoj.

La homoj, vivantaj ĉe la montpiedoj, per siaj malbonfaroj kaj malhumilo al la dia volo, kolerigis Alaĥon. Kaj en sia kolerego li ordonis al la suno ekstermi ĉi tiujn homojn. Kaj la suno haltis: fariĝis nek vespero, nek nokto, nek mateno; eksilentis la vento, putriĝis la akvoj kaj sekiĝis ĉiuj riveretoj kaj putoj. Sed la bruliganta suno ĉiam staris en la zenito, kaj la tero krevis sub ĝiaj radioj, kaj konsumiĝis de soifo kaj varmego.

„Ĉiujn mi ekstermos per fulmotondro kaj fajro!" — ekkriis en sia kolerego Alaĥo. — „Nur tri homojn mi indulgos: Selimon, Ŝaĥanon kaj Alibekon!"

Kaj vokis Alaĥo sur la monton ĉi tiujn junulojn kaj ordonis al ili aŭskulti sian grandan volon.

Kiam Selimo, Ŝaĥano kaj Alibeko, obeante al la volo de Alaĥo, iris sur la monton, la malsatanta popolo kriis al ili:

„Restu kaj mortu kune kun ni, kiel ordonas la amikeco, pri kiu vi kantis al ni en viaj kantoj!"

La tri junuloj estis la plej belaj, la plej mildaj, la plej honestaj — la plej bonaj el ĉiuj homoj — kaj povis kanti tiajn kantojn, kiajn nun neniu scias kaj neniu kantas.

Ploris la junuloj, disiĝante de la popolo, ploris maldolĉajn larmojn, sed la homoj malbenadis ilin pro ilia perfido kaj ĵetadis kontraŭ ilin ŝtonojn, pafadis sagojn. Sed Alaĥo gardis siajn elektotojn. Kaj neniu, krom ili, povis surpaŝi la monton, sed kiu surpaŝis, tiu falis morta. Inter la tero kaj la ĉielo staris nubegoj da senmova polvo, kaj la suno kiel sanga balono pendis en la aero, kaj la tuta montospino estis volvita per nebulo, kaj tiu nebulo kaŝis la junulojn de antaŭ la ŝtonoj kaj sagoj.

„Selimo, Ŝaĥano kaj Alibeko!" — ekaŭdis la junuloj, kiam ili supreniris la nudan rokan monton. — „Vin tri mi volas savi. Malsupreniru la alian flankon de la monto, kaj ĉi tien mi sendos fulmojn kaj tondrojn kaj ekstermos la malpian popolon!"

Sed ili, falinte sur la genuojn, diris:

„Turnu vian koleregon sur nin tri, granda Alaĥo, sed la homojn kompatu kaj redonu al ili la akvon, sen kiu ili suferas."

Kaj la junuloj komencis peti Alaĥon, ke li akceptu ilin kiel oferon.

„Tiam la homoj komprenos, ke ni pereis por ili, ne rompante la amikecon kaj la fidelecon, pri kiuj ni kantis al ili, kaj ili ne malbenos nin, sed komprenos kaj ili fariĝos pli amikaj kaj pli bonaj kaj kantos nem pri ni al siaj infanoj, kaj iliaj infanoj estos bonaj kaj fidelaj kaj fariĝos pli bonaj ol ĉiuj ni tri kune."

„Kial pereu la plej bonaj por la plej malbonaj?" — ekkriis Alaĥo. — „Lasu perei la malbonajn!"

Sed la junuloj ne degenuiĝante, ĉiam ripetadis:

„Turnu vian koleregon sur nin, sed tiujn indulgu. Pereigu nin per la plej malbona morto, sed en la valojn sendu akvon, kiu neniam plu sekiĝu!"

Sulkigis la brovojn la granda Alaĥo, kaj lia frunto fariĝis malluma, kiel profunda monta abismo, kaj li faris signon al malvarmaj ventoj, kaj levis ŝtormon super la montoj, tiel timigan kaj malvarman, kia neniam ekzistis

## APERAĴO
### Stéphane Mallarmé

La luno iĝis trista. Kun arĉ' en mano, ploraj
Serafoj, reve inter kvieto de vaporaj
Floretoj tiris el la mortantaj aldviolonoj
Singultojn blankajn, glite sur bluo de florkronoj.
Estis la tag' benata de nia kis' unua.
Mia revad', inklina al sinturmento ĝua,
Sin dokte ebriigis per la parfum' de tristo,
Kiun eĉ sen bedaŭro, sen teda gustpersisto,
Postlasas revrikolto al rikoltinta animo.
Mi vagis do, l' okulojn fiksante sur pavimo,
Kiam, kiun sun' en haroj, en strato kaj vespero,
Vi venis ridetante; mi kredis je l' apero
Ekvidi la feinon, kiu, kun lumoĉapo,
Iam, en miaj sonĝoj de dorlotata knabo
Pasis, lasante ĉiam el manoj duonfermitaj
Neĝi bukedojn blankajn de steloj parfumitaj.

El la franca: **L. Tárkony.**

## MARA VENTO
### Stéphane Mallarmé

Mi legis ĉiujn librojn, kaj tristas, ve, la karno.
Rifuĝi! fuĝi! ŝajnas ebrii la bird-svarmo
Dum flug' tra nekonataj ondar' kaj ĉielbrilo.
Ja nek ĝardenoj oldaj, rebrilaj en pupilo,
Retenos mian koron, kiu en mar' sin mergas,
Ho noktoj, nek dezerta lamplum', se ĝi aspergas
Paperon vakan, kiun la blank' defende gardas,
Nek junedzino, kiu mamnutre bebon vartas.
Mi iros! Vaporŝipo kun balancataj veloj,
Eklevu vian ankron por ekzotikaj celoj.
Enuo, senkonsola de krudaj esper-revoj,
Ankoraŭ kredas lastan adiaŭ de l' tuk-levoj.
El tiuj eble estas ĉi mastoj ŝtorm-invitaj,
Kiujn la vento klinos sur ruboj, jam perditaj
Sen velo, ho sen velo, sen verdo de insuloj...
Sed, mia koro, aŭdu la kanton de l' ŝipuloj!

El la franca: **L. Tárkony**

---

antaŭe. Kaj la suno, staranta senmove, ekmoviĝis kaj rapide iris al la okcidento, kaj en la valo, destinita por pereo, post longa varmego subite ekblovetis humida nokta malvarmeto.

„Gloron al la granda Alaho!" — ekkriis la junuloj, atendante teruran ekzekuton.

Kaj subite eksentis Selimo, ke lia sango malvarmiĝas, kaj li mem kreskas kaj leviĝas al la ĉielo ĉiam pli kaj pli supren, kaj anstataŭ liaj brakoj jam tiriĝas nebulo, kaj anstataŭ piedoj buliĝas nuboj; malvarmon kaj glacion li sentas en la koro kaj, kolektante la lastajn fortojn, li krias tra la tuta mondo:

„Gloron al granda Alaho!

Kaj li disfluiĝas en la ĉielo kiel vila nubego.

Kaj malvarmaj ventoj ekkaptas la nubegon, disŝiras ĝin en malgrandajn blankajn flokojn kaj en formo de neĝo disportas sur la suprajojn de la tuta montospino, kie neniam antaŭe estis malvarmo nek neĝo. Kaj Ŝaĥano kaj Alibeko, aŭdante la lastan krion de sia amiko, sen timo, ekstaze ripetas post li:

„Gloron al la granda Alaĥo!"

Kaj tuj eksentas Ŝaĥano, kiel lia koro subite glaciiĝas. Kaj vidas, ke li kreskas simile al Selimo kaj leviĝas al la ĉielo. Jam nebulo sterniĝas anstataŭ liaj brakoj kaj nuboj buliĝas ĝis lia zono, kaj glacio forĝas lian spiradon. „Gloron al la granda Alaĥo!" — li kiras je la lasta fojo — kaj en neĝoflokoj li dissutiĝas sur la montosuprojn. Kaj Alibeko salutante la pereon de la kamarado, responde glorigas la nomon de la granda Alaĥo.

Ekglaciiĝis, nebuliĝis ankaŭ Alibeko, kaj li ekkriis el la ĉielsupro, dissutiĝante kiel neĝo:

„Gloron al la granda Alaĥo!"

Kaj ĉio eksilentis.

Nur neĝoŝtormo bruegis en la montoj, surbalaante ilin kaj kovrante per eterna glacio iliajn suprajojn. Kirliĝis kaj hurlis la neĝoblovado dum la tuta nokto; la tutan nokton bruegis la uragano, kian neniu ĝis tiam aŭdis, kaj kun teruro pensis la homoj, ke venis la fino de la mondo.

Sed kiam matene la hela suno, jam ne minaca kaj bruliga, sed ĝoja, suprenleviĝis en la ĉielo kaj varmigis la surblovitan neĝon, de la montoj ekkuris kun gaja bruo riveroj kaj riveretoj, kaj la vivo por eterne revenis en la valojn.

Kaj nun, se iu suriras la altajn montojn, kie inter neĝo kaj glacioj hurlas neĝoŝtormoj, tiu aŭdas ilian longan unutonan kanton:

„Ĉu vi memorias, homo, Selimon, Ŝaĥanon kaj Alibekon? Sed se vi memoras, kial do vi forgesas bonon kaj veron kaj ne amas la homojn, kiel amis ilin la tri junuloj?..."

Kaj kuŝas neĝoj sur la montosuprajoj jam

# SREDNI VAŜTAR

## H. H. Munro

Konradin estis dekjara, kaj la kuracisto jam eldiris sian profesian opinion, ke la knabo ne vivos ankoraŭ kvin jarojn. La kuracisto estis silkeca kaj eluzita kaj havis malmultan efikon, sed lian opinion konfirmis S-ino de Rop, kiu havis efikon preskaŭ plenan. S-ino de Rop estis la kuzino kaj zorgantino de Konradin, kaj en liaj okuloj ŝi prezentis tiujn tri-kvinonojn de la mondo, kiuj estas necesaj kaj malagrablaj kaj realaj; la ceteraj du-kvinonoj, ĉiam kontraŭbatalantaj la ĵus-menciitajn, estis sume li mem kaj lia imago. Konradin supozis, ke li pli aŭ malpli frue cedos al la superreganta premo de tiaj tedaj necesaĵoj, kiaj malsanetoj kaj malhardantaj reguloj kaj senfina enuo. Sen la imago, kiu estis aktivega pro la spronado de soleco, li jam antaŭlonge estus cedinta.

S-ino de Rop neniam, eĉ en siaj plej honestaj momentoj, konfesus al si, ke ŝi malamas Konradinon, kvankam eble ŝi malklare konstatus, ke ŝi ne trovis aparte ĝena lin malhelpi „pro lia bonfarto". Al ŝi Konradin havis kiel eble plej sinceran malamon, kiun li perfekte sciis kaŝi. La malmultaj plezuroj, kiujn li sukcesis havigi al si, ricevis aldonitan spicon de tio, ke sendube ili malplaĉus al lia zorgantino, kaj el la regno de lia imago ŝi estis elŝlosita — ia malpuraĵo, kiu devas ne trovi eniron.

Li trovis malmulton allogan en la teda malĝoja ĝardeno, kontrolata de tiom da fenestroj pretaj sin malfermi por komuniki, ke li ne faru tion aŭ alian, aŭ por rememorigi, ke jen estas la horo por medikamentoj. La malmultajn fruktarbojn en ĝi oni severe malpermesis al li rikolti, kvazaŭ ili estus maloftaj specimenoj de sia speco florantaj en senakva dezerto; efektive, estus tre malfacile eltrovi fruktiston, kiu bonvolus proponi dekŝilingan pagon por tutjara rikolto. Tamen en preterlasita angulo, preskaŭ tute kaŝata de malgaja arbetaro, estis neuzata budo de sufiĉa grando, kaj inter ties muroj trovis Konradin azilon, ion, kiu varie aspektis kiel ludĉambro kaj katedralo. Kiel popolon li donis al ĝi legion da personaj fantomoj, elvokitaj parte de historiaj fragmentoj, parte de lia propra cerbo, sed ĝi havis ankaŭ du loĝantojn el karno kaj ostoj. Ĉe unu angulo loĝis ĉifonpluma kokino, al kiu la knabo disipis tiun amon, kiu apenaŭ havis kroman celon. Pli malantaŭe en la ombroj staris granda kesto, dividita je du fakoj, el kiuj unu havis fronton el proksime metitaj

---

dum miloj da jaroj, sendante al la homoj akvon, por ke ili ne mortu de soifo, kaj la homo estas feliĉaj, sed rememoras la tri junulojn nur tiuj, al kiuj supre sur la montoj la neĝoblovo kantas pri ili eternan, unutonan kanton.

Halimo eksilentis . . .

Intertempe la oriento disbruliĝis . . .

Pli alte kaj pli larĝe kreskis super la horizonto strioj de lumo, pli kaj pli hele ili flaviĝis kaj rozkoloriĝis, kaj ilia supreniro estis majesta kaj mirinda.

Aŭroro ardis . . .

Kaj jen en la matenruĝo purpuriĝis jam la duonĉielo, kaj rektaj orecaj radioj kiel krono staris en la aero.

„La suno, la suno!" — nevole mi ekkriis renkonte al la hel-ruĝa strieto, aperinta super la horizonto, kiel peco da inkandeska fero.

Ne pasis eĉ minuto — kaj la suno suprenaĝis kiel granda ruĝa balono, disbruliĝante ĉiam pli hele kaj superverŝante per sia oro la ĉielon kaj la teron.

Kaj la tuta neĝkovrita montara ĉeno, aspektanta kiel malproksima nubego kaj glacikovrita Elbruso, ŝajnanta antaŭe griza, nun staris rozkolora kaj brilanta sur la fono de serena horizonto.

Pura, kvieta ĝojo plenigis mian animon, kaj en la bruo de la vento, alfluganta de la malproksimaj glaciejoj de Elbruso, kvazaŭ aŭdiĝis malgaja kanto, kanto pri la tri junuloj, kanto pri tio, kiel pereas la plej bonaj por fremda feliĉo.

El la rusa: **D. Staritsky.**

feraj stangoj. Tio estis la loĝejo de granda putoro, kiun amika juna buĉisto iam kontrabandis kune kun la kaĝo en la nunan situon, kontraŭ longe kovita ŝparaĵo da arĝentaj moneretoj. Konradin treege timis la fleksan akradentan beston, sed ĝi estis lia plej ŝatata posedaĵo. Ties ĉeesto mem en la budo estis sekreta kaj timiga ĝuo, kiun li devis zorge gardi kontraŭ la sciiĝo de la Ino, kiel li private nomis sian kuzinon. Kaj iun tagon, el dio-scias-kia materialo, li teksis por la besto mirindan nomon, kaj de tiu momento ĝi estiĝis iu dio kaj religio. La Ino cedis al religio po unu fojo en ĉiu semajno en proksima preĝejo, kaj Konradin devige akompanis ŝin, sed por li la diservo estis fremda rito en la templo de Rimmon. Ĉiun ĵaŭdon, en la malluma kaj polveca silento de la budo, li faris adoron kun mistika kaj komplika ceremonio antaŭ la ligna kesto, en kiu loĝis Sredni Vaŝtar, la granda putoro. Ruĝaj floroj siatempe kaj skarlataj beroj dum la vintro estis oferataj ĉe la sanktejo, ĉar li estis dio, kiu iel aparte substrekas la koleran, malpaciencan aspekton de la aferoj, kontraste al la Ina religio, kiu, laŭ la observado de Konradin, faras grandajn paŝojn en la mala direkto. Kaj je solenaj festoj estis disjetita antaŭ la kesto pulvigita muskato, oferaĵo, pri kiu estis grave, ke oni devis ĝin ŝtelakiri. Ĉi tiuj festoj okazis neregule, kaj ĉefe por soleni iun hazardan incidenton. Unu fojon, kiam S-ino de Rop dum tri tagoj suferis pikan dentdoloron, Konradin daŭrigis la feston dum la tuta tritago, kaj preskaŭ sin persvadis, ke Sredni Vaŝtar persone respondecas pri la dentdoloro. Se la malsano daŭrus dum ankoraŭ unu tago, la muskatprovizo elĉerpiĝus.

La kokino neniam partoprenis la kulton al Sredni Vaŝtar. Konradin antaŭ longe findecidis, ke ŝi estas anabaptisto. Li ne pretendis eĉ plej malklaran ideon pri tio, kio estas anabaptisto, sed li private esperis, ke tio estas sensacia kaj ne tre respektinda. S-ino de Rop estis la fundamento, sur kiu li bazis kaj malamegis ĉian respektindecon.

Post iom da tempo la absorbo de Konradin pri la budo ekokupis la atenton de lia zorgantino. „Malutilas lian bonfarton sin okupi tie en ĉia aĉa vetero," ŝi senprokraste decidis, kaj iun tagon ĉe la matenmanĝo ŝi anoncis, ke la kokino estas vendita kaj forportita dum la nokto. Per siaj miopaj okuloj ŝi estis preta kontraŭstari per fluo da bonegaj maksimoj kaj rezonado. Sed Konradin nenion diris: nenio estis direbla. Eble el io en lia blanka ŝtoniĝinta vizaĝo ŝi ricevis paseman skrupulon, ĉar tiun posttagmezon ĉe la temanĝo oni surtabligis panrostaĵon — frandaĵon, kiun ŝi kutime malpermesis, pretendante, ke ĝi malutilas al lia bonfarto; ankaŭ ĉar ĝia faro „postulas penon", kio estas grava peko laŭ la vidpunkto burĝina.

„Mi pensis, ke vi amas panrostaĵon," kun vundita mieno ŝi ekkriis, vidante, ke li ne tuŝas ĝin.

„Okaze," diris Konradin.

Tiun vesperon en la budo oni enkondukis novaĵon en la adoron al la kesto-dio. Konradin kutime kantis laŭdojn, ĉi-vespere li petis pri komplezo.

„Faru por mi unu aferon, Sredni Vaŝtar."

La afero ne estis specifita. Tial, ke Sredni Vaŝtar estas dio, oni rajtas supozi, ke li scias. Kaj retenante plorsingulton, kiam li rigardis en la alian, malplenan angulon, Konradin reiris en la mondon, kiun li tiom malamis.

Kaj ĉiun nokton, en la bonvena mallumo de la litĉambro, kaj ĉiun vesperon en la krepusko de la budo, la amara preĝo de Konradin aŭdiĝis: „Faru por mi unu aferon, Sredni Vaŝtar."

S-ino de Rop rimarkis, ke ne ĉesis la vizitoj al la budo, kaj iun tagon ŝi faris ankoraŭ kontrolan ekskurson.

„Kion vi gardas en tiu ŝlosita kesto?" ŝi demandis. „Mi kredas, ke tio estas kobajoj. Mi aranĝos, ke ilin oni tute forportu."

Konradin forte kunpremis la lipojn, sed la Ino traserĉis lian litĉambron, ĝis ŝi trovis la zorge kaŝitan ŝlosilon, kaj tuj marŝis al la budo por kompletigi la malkovron. Estis posttagmezo malvarma, kaj Konradin laŭordone restis en la domo. Tra la plej fora fenestro de la manĝoĉambro oni povis ĝuste ekvidi preter la arbetaro la pordon de la budo, kaj antaŭ tiu fenestro Konradin lokis sin. Li vidis la Inon eniri, kaj poste li imagis ŝin malfermi la pordon de la sankta kesto kaj de proksime rigardi per siaj miopaj okuloj en la densan pajloliton, kie lia dio kuŝis kaŝita. Eble ŝi fingrobatos la pajlon pro sia mallerteca sen-

pacienco. Kaj Konradin la lastan fojon fervore spiris sian preĝon. Tamen li sciis dum la preĝo, ke li ne kredas. Li sciis, ke la Ino poste elvenos kun tiu paŭta rideto, kiun li tiom malamas, kaj ke post unu aŭ du horoj la ĝardenisto forportos lian mirindan dion, ne plu dion, sed nur simplan brunan putoron en ia kesto. Kaj li sciis, ke la Ino venkos ĉiam, samkiel ŝi nun venkas, kaj ke po iom li estiĝos pli malsana pro ŝia ĝenanta, despotema kaj supereca lerto, ĝis iun tagon nenio plu multe gravos por li, kaj la kuracisto pruviĝos prava. Kaj pro la piko kaj doloro de lia malvenko, li ekkantis laŭte kaj spite la himnon al sia minacata idolo:

Sredni Vaŝtar ekmarŝis,
Liaj pensoj estis pensoj ruĝaj kaj liaj dentoj estis blankaj.
Liaj malamikoj petegis pri paco, sed li alportis al ili morton.
La bela Sredni Vaŝtar.

Kaj tiam subite li ĉesis kanti kaj pliproksimiĝis al la fenestrovitro. La buda pordo restis aperta, kiel oni lasis ĝin, kaj pasadis la minutoj. Ili estis minutoj longaj, tamen ili pasis. Li rigardis la sturnojn kurantaj kaj flugantaj en aretoj trans la razenon; li ĉiam denove nombris ilin, sed neniam malatentis pri tiu svingiĝanta pordo. Servistino kun malafablaj trajtoj venis por surtabligi la temanĝon, kaj ankoraŭ staradis Konradin, kaj atendis kaj rigardis. La espero iom post iom ekestis en lia koro, kaj nun ekflamis triumfa trajto en liaj okuloj, kiuj antaŭe konis nur la sopiran paciencon de malvenko. Flustre, kun sekreta ĝojego, li rekomencis la laŭdkanton de triumfo kaj detruo. Kaj iom poste liaj okuloj ricevis rekompencon: tra tiu pordo venis longa, malalta, flavbruna besto kun okuloj palpebrantaj pro la mortanta taglumo, kaj kun malpalaj malsekaj makuloj sur la felo de la makzeloj kaj de la gorĝo. Konradin falis surgenuen. La granda putoro trovis sian vojon ĝis rivereto ĉe la ĝarden-limo, trinkis mallonge, poste transiris sur tabula ponteto kaj malaperis en la arbetojn. Tiel pasis Sredni Vaŝtar.

„La temanĝo jam estas preta," diris la vinagraspekta servistino; „kie estas la mastrino?"

„Ŝi iris al la budo antaŭ iom da tempo," diris Konradin.

Kaj dum la servistino iris anonci temanĝon al la mastrino, Konradin prenis el la bufeda tirkesto panrostilon, kaj ekrostis por si pecon da pano. Kaj dum la rostado kaj la ŝmirado per multa butero kaj la malrapida ĝuo de la manĝado, Konradin aŭskultis la bruojn kaj eksilentojn, kiuj sin sekvis en subitaj spasmoj preter la manĝoĉambra pordo: la laŭta stulta kriado de la servistino, de la kuireja regiono la responda ĥoro el mirantaj interjekcioj, la susuraj piedbatoj kaj urĝaj senditoj por eksterdoma helpo, kaj poste, post ioma paŭzo, la timplenaj ploroj kaj la trena marŝo de tiuj, kiuj portas pezan ŝargon en la domon.

„Kiu sciigos al la kompatinda infano? Mi eĉ por savi min de morto ne povus!" ekkrlis akratona voĉo. Kaj dum ili diskutis inter si pri la afero, Konradin faris por si ankoraŭ pecon da panrostaĵo.

El la angla: **William Auld.**

# DISKUTO

**Responde pri „Malnovaj Lampoj".**

Kara D-ro Kalocsay, mi unue dankas vin pro la spaco, kiun vi donis en *Literatura Mondo* por mia metrika verko *Malnovaj Lampoj*. Mi legis kun intereso la Diskuton, kiun vi trovis necesa post tiu poemo, kaj se vi permesos, mi nun respondos al iuj punktoj en tiu komentario.

Certe la elizio estas Fundamenta, certe kaj bedaurinde; sed alia faktoro efikas sur ĝian uzon, nome la aprobo de la legantoj. Kaj multaj legantoj malprobas ĝin, aŭ almenaŭ preferas ĝian foreston. Tiu, kiu forĵetas poemon ĉe la unua elizio, ne estas kapriculo. Li estas tiel vera amanto de nia lingvo, ke la neperfektaĵo ĉagrenas lin. Pli prudente, do, ĝin tute eviti.

La speco de elizio kiu okazas ĉe kunmetitaj vortoj iom malsimilas al la elizio ĉe apartaj vortoj. La kunmetitaj vortoj (*mondpaco*, *kordoloro*, *ĉielarko*, ktp), jam ekzistas kune en la menso, kaj la kunmeto plifaciligas la penson. Krom tio, la kunmeta principo estas jam bone konata en la naciaj lingvoj, kiel ankaŭ la elizio ĉe 'la'. Sed kiu alia lingvo permesas la elizion ĉe ĉiu substantivo? Mi tamen ne kontraŭas la elizion de '-o', tiel absolute, kiel vi ŝajne supozas. Kiam oni povas gajni, per elizio, aparte trafan efekton aŭ emfazon, kiel ekzemple en la Zamenhofa poemo

*Ho Mia Kor'*, oni prave uzas ĝin. Kaj rimarku, ke ju pli malofte oni uzas elizion, des pli impona estos ĝia efekto. Tio, kion mi efektive kontraŭas, estas la uzo de elizio nur por la komforto de la verkanto, kiu ne povas estri la ritmon sen ĝia helpo. Ĉu aŭ ĉu ne mi 'verkis ion honorindan', mi almenaŭ pruvis, ke oni povas elpensi versojn sennombre, kaj tute eviti la elizion. En pli ol 1000 versoj, mi ankoraŭ ne bezonis ĝin. Se per tio mi fariĝos izolulo, mi fieros pri mia izoleco; kaj plue, mi eventuale gajnos la legantojn kiujn la eliziamantoj perdos. Neniu rifuzos legi poemon nur pro tio, ke ĝi *ne* enhavas apostrofojn!

Mi neniam asertis, ke oni nepre devas *trokeigi* la Esperantan poezion. Mi trovas la trokeon la plej bona alternativo por la jambo, kondiĉe (ĝenerale), ke oni plilongigu la verson; kaj ĉar la plimulto de la angla poezio estas jamba, miaj tradukoj estas plej ofte trokeaj. Sed mi rekonas ankaŭ la amfibrakon kaj la 'jambinon' (jamba verso kun kroma senakcenta finsilabo) kiel naturajn en Esperanto.

Vi citas latinan heksametron por pruvi, ke la metriko povas distranĉi la vortojn; sed miaopinie trokeo estas dusilaboj versidoj, sekve vortoj kun pli da silaboj nepre distranĉiĝas. Tio pruvas nenion. Ankoraŭ restas vere, ke en Esperanto ĉiu dusilaba vorto estas trokea, kaj ĉiu trisilaba vorto estas amfibraka. En tio mi trovas la fundamentan principon de la Esperantaj metrikoj.

Kaj el la ritmoj trokeo, amfibrako kaj jambino, kiu plej taŭgas por traduki jambojn? Kompreneble ne la amfibrako. Kaj ĉiu jambina verso (kiu estas egale trokeeca) finiĝas per haltiga salteto, kaj sekve ĝi taŭgas precipe por versoj kies senco finiĝas ĉe la versfino. La trokeo estas la plej parenca. Laŭ akcento, la sola diferenco inter jamba kaj trokea versoj troviĝas en tio, ĉu la verso komenciĝas aŭ finiĝas per senakcenta silabo. Interne, la akcentado estas sama, kaj daŭras tra multaj versoj.

Mi sentas, kun vi, diferencon inter la efektoj de la du ritmoj; sed kvankam vi trovas la trokean pli trankvila, ol la jamba, mi trovas ĝin nur pli rapida. Jen unu kialo por miaj pli longaj versoj en Esperanto. Kaj la plia rapidŝajno ne estas sen kaŭzo. Komparu ekzemple la jenajn: *sur la maro, sen doloro, doloriga*, aŭ la du versojn:

Ŝajna malatento, diro senpripensa,
Vivodaŭran amikecon ekdetruas.

Vi sentas, ĉu ne, ke la longaj vortoj ŝajne fluas pli rapide, ol la mallongaj vortoj? Nu, en la angla kaj en aliaj jambaj lingvoj, la unusilaboj estas tre oftaj. Ili malpliigas la rapidŝajnon de la vortoj. Sed en Esperanto preskaŭ ĉiu vorto havas almenaŭ du silabojn. Sekve la vortoj ŝajne fluas pli rapide, ol en la angla lingvo. Tial mi plilongigas la versojn, krom kiam ili estas tre mallongaj, por egaligi la dirotempon. Se oni mense ne kalkulas la akcentojn, la entuta efekto de Esperanta trokea heksametro tre similas la efekton de angla jamba pentametro. Kaj oni ne juste postulas pli ol tion en tradukado. Antaŭ ĉio, la pli longaj versoj ebligas pli naturan lingvouzon en Esperanto, tre grava punkto. La klara esprimo de ideoj kaj lingvaj figuroj estas nemezureble pli grava, ol sklaveca imito de fremdalingva metriko, kaj:

„Malgracie marŝas tiu, kiu premas
Policanpiedon en princinan suon!"

En nia poezio la ecoj de la naciaj lingvoj devas cedi lokon al la ecoj de nia Esperanto. Eĉ la mezan kromsilabon de aleksandro mi prefere evitas, kiel ĉian neregulan ritmon (ekz. alternativajn trokeojn kaj amfibrakojn). Por iuj lingvanoj, kiel la angloj, tiaj ritmoj estas preskaŭ nekonataj. Ili devigas, ke la leganto relegu kelkajn versojn por decidi la ritmon. Se ĉiuj legantoj estus mem poetoj, tio eble ne gravus!

Pri la meza cezuro, mi volas nur atentigi, ke ĝi ne tute mankas en miaj versoj, ekzemple:

Se en via koro /lumas poezio,
Se en la oreloj sonas la muziko . . .

Sed mi diversigis la lokon de la cezuro, por eviti unutonecon. Regula cezuro ĝenerale postulas rimojn; senrimaj versoj ĝenerale postulas vagantan cezuron.

Kara malsamideano, pardonu mian opinion, ke via trokea traduko de la *Okcidenta Vento*, de Shelley, estas pli bona ol via jambina. Efektive, ĝi pruvas miajn teoriojn. Mi devis relegi vian jambinan tradukon plurfoje, antaŭ ol mi ĝuste komprenis viajn frazojn. La versoj:

„kaj kiel magon fantomar' rifuĝa
vin fuĝas flava, ruĝa, ftizofebra,
pestinfektita multo . . ."

estis por mi malfacile kompreneblaj, kvankam mi antaŭe bone konis kaj amis la poemon. Sed la senco fariĝis pli klara kiam en via trokea traduko mi legis:

„kaj kiel *de* mago fantomar' rifuĝa
*de* vi kuras flava, ruĝa, ftizofebra,
peste infektita multo . . ."

Mi ankoraŭ ne scias de kio rifuĝas la fantomaro, ĉar neniu el miaj vortaroj enhavas la vorton 'mago'. Mi trovas 'foliojn' pli ĝusta vorto ol 'frondo' kaj 'peste infektita' pli kontentiga ol 'pestinfektita'. En viaj trokeaj heksametroj mi ankoraŭ aŭdas la voĉon de Shelley; sed en viaj necese kumpremitaj pentametroj ĝi fariĝas iom obtuza. Mi sentas, ke la aldono de 'Ho' antaŭ 'Sovaĝa vento', kvankam evidenta 'ŝtopilo', neniel platigas aŭ alie ŝanĝas la 'impeton' de la verso, krom pro tio, ke ĝi iom pli emfazas la 'pasian alvokon'. En Esperanto la unua silabo, ĉu akcentata, ĉu senakcenta, tute ne povas efiki sur la

internajn vortojn, kiuj restas ĉiam trokeaj, aŭ amfibrakaj, sone kaj sente, malgraŭ ĉiuj viaj penoj. Sed ĉu vi ne konfesas, ke en nia lingvo ni bezonas pli da spaco?

Fine, mi volas diri, ke mi ne celas esti leĝdonanto, sed leĝtrovanto. Tamen mi serĉas la leĝojn en la lingvo mem, kaj ne en la foje singultanta poezio kiu ĝis nun palpis vojon tra frumatena duonlumo.

**Brendon Clark.**

Kara Brendon Clark! Une, mi ĝoje registras vian deklaron: „Mi ne kontraŭas la elizion de -o tiel absolute, kiel vi ŝajne, supozas". Tamen, kiam vi parolas tiel malŝate pri la „komforto de la poeto", tiam vi mistrafas, laŭ mia opinio. Tiu poeto uzas eblon, kiun la lingvo al li prezentas kaj kiu estas tute familiara en la ĝisnuna poezio. Kaj tiu poezio tute ne estas tiel malgrasa, tute ne „palpas vojon tra frumatena duonlumo", kiel vi asertas. Se vi fieras pri viaj 1000 versoj, mi povas fieri pri miaj 40.000. Kaj ne sole tiuj 40.000 ekzistas. L. M. tion pruvas, ni havas abundan poezion. Kaj la leĝojn oni jam devas tiri ne el la lingvo, sed el tiu poezio.

Vi diras, ke en viaj pli ol 1000 versoj vi ne bezonis la elizion. Sed, ĉu vi estas certa, ke ĝin ne bezonis la poemoj, kiujn vi tradukis? Ĉu ne estas tre eble, ke tiuj poemtradukoj estus pli fidelaj laŭ formo kaj enhavo, pli potencaj laŭ esprimpovo, pli konformaj al la efekto de la originalo, se vi koncentrigus vian tutan atenton ne al la evito de la elizioj, sed al la solvo de aliaj tradukproblemoj? Neniu rifuzos legi poemon pro manko de apostrofo, vi diras. Tio ne estas tiel certa, kiel vi opinias. Tiu manko de apostrofado ja povas kosti perdiĝon de belaĵoj, sen kiuj la poemo ĉesas esti leginda. „Traduki poemon estas danci en katenoj" — diris iu. Nu, al tiuj katenoj vi alkroĉas ankoraŭ fergloboj po dek kilogramoj.

Ŝpari pri la elizio, jes, tio estas utila principo. Maksimume unu elizio en unu verso, jes, tio estas bona konsilo por poetoj. Se via militiro kontraŭ la elizio tion rezultigos, ĝi estas eĉ dankinda. Sed nomi la elizion principe malperfektaĵo — tio estas fergloboj sur la kateno.

Permesu ripeti, ke leganto, kiu belan, sonoran, enlulan poemon legas plezure ĝis — ni diru — la deka verso, kaj tiam ĝin forjetas pro trovita elizio, estas kapriculo. Kaj mi havas specialan kaŭzon grumbli al li, ĉar li estas — laŭ vi — vera amanto de la lingvo, kaj mi tamen vane faris por li tiujn 40.000 versojn.

Vi demandas, kiu alia lingvo permesas elizion ĉe *ĉiu* substantivo. Nu, la itala ĝin permesas ĉe preskaŭ ĉiu. Kaj la italaj poetoj ofte uzas tiun permeson: en la 120 mallongaj versoj de Manzoni-poemo mi notis 45 eliziojn *(suol, duol, vel, ciel, pensier, amor* ktp. anstataŭ *suole, duole, velo, cielo, pensiero, amore).* Kaj. eĉ la densega angla lingvo uzas la eblojn, kiujn la lingvo prezentas por eĉ plia densigo de la verso *(twas, o' erwork'd, lov' st, 'tis, wisp'ring, e' er, tomb'd* kaj similaj). Krome, la itala poetiko kalkulas du vokalojn fine kaj komence de du sinsekvaj vortoj kiel unu silabon. La Dante-a verso:

Con gli altri, innanzi agli altri apri la canna

ĉe la skando reduktiĝas je 11 silaboj el 16. La francoj la mutan -e elparolas en la poezio, sed ĝi restas muta antaŭ vokalo. Per la naturaj lingvoj do vi tute ne povas motivi vian duonpatrinan severon.

Jes, vi povas diri, sed tiujn poemojn la homoj ĝuas en sia gepatra lingvo. La esperantista poeto verkas por lingvomalspertuloj, kaj ties komprenon malfaciligas la elizio. Nu, koncerne la legon de poemo ekzistas nenia malfacilo. Koncerne la deklamon, mi helpas pri tio tiamaniere, ke mi simple elparolas la eliziaĵojn. Per tio la ritmo anapestiĝas, sed tion laŭ mia sperto, oni ne tre rimarkas. „Kapro iĝas sata, brasiko konservata" — kiel diras hungara proverbo.

Koncerne la ritmon, ĉe la latina heksametro temas ne nur pri tio, ke longajn vortojn devas distranĉi la piedlimoj, sed pri tio, ke estus malbona heksametro, en kiu ĉiuj vortoj koincidus kun la piedoj: por bona versfekto laŭeble multaj vortoj devas esti distranĉitaj. Tio eĉ estas regulo ĉe la cezuro, kiu devas esti meze de piedo:

Sur la de/klivo de/ mont' // ek/ŝalmas la/ gaja paŝtisto

Laŭda/bunt ali/i // cla/ram Rhodon/ aut Myti/lenen

Tiel same estas ankaŭ ĉe la aliaj antikvaj ritmoskemoj. La versoj, en kiu la vortlimoj kaj piedlimoj tro ofte koincidas, iel disfalas, dispecetiĝas. Sed el tio sekvas, ke la reganta versoskemo de lingvo ne devas nepre sami al la reganta metriko de ties vortoj. La trokea Esperanto do povas havi jambojn.

Kompreneble, mi tute ne malamikas al la plilongigo de la versoj, precipe ĉe el-angla traduko. Sed oni tamen ne uzu *principe* trokean skemon anstataŭ jamba. Oni konsideru la versefekton de la originalo, kaj se la jambeco estas ties grava apartenaĵo, oni elektu pli longan jamban skemon: aleksandron aŭ sepjambon.

Mi bedaŭras, ke mian trokean tradukon de la Shelley-poemo vi trovas pli bona ol la jamba. Ties kaŭzo estas eble, ke viaj oreloj ankoraŭ ne estas sufiĉe trejnitaj por la formefekto de la Esperanta verso. Mi estas certa, ke post via 10.000-a verso vi havos alian opinon.

Por mi, tiu traduko estas jamba. La ritmon donas la verskomencoj, kaj ties leviĝan pulsadon oni nevole konservas ĝis la versfino. Ne gravas, ke la *vortoj* estas trokeaj.

# L I N G V O

### Pri la loko de JA.

Inter riproĉoj farita] de recenzistoj al certa lernolibro, mi trovas nemotivita la kondamnon de la frazkomenca uzo de JA. La recenzo diras tie: „La plej natura kaj logika loko de JA estas post la verbo."

En mia respondartikoleto mi konkludis, ke JA havas du signifojn: 1. akcentigan, 2. klarigan. Por la klariga JA, fakte, plej konvenas la loko „antaŭ aŭ post la predikata verbo", sed por la akcentiga JA la frazkomenco.

Por ĉi lasta uzo mi trovis hazarde unu Zamenhofan ekzemplon (Genezo 4. 7.), kaj poste mi malkovris ankaŭ duan (III. Kroniko 6.18). Certe troviĝas ankaŭ pli multaj.

Miaopinie, la problemo estas sufiĉe grava por esti solvita publike. Sekve, mi turnas min al Dro Kalocsay kun la peto, ke li okupiĝu pri ĉi tiu problemo en L. M. Tio estos tiom pli utila, ĉar ĉi-koncerne oni nenion trovas en la gramatikoj.

**J. V. Dolinsky.**

Laŭ mia opinio (kaj laŭ tiu de la Plena Gramatiko) JA havas tri signifojn.

1. Akcenta JA. Ĝia loko povas esti la frazkomenco, ekz-e: *Ja mi ne esperis tion.* Sed en malfongaj ordinaj frazoj ĝi povas stari ankaŭ ĉe la fino: *Li venu ja!* Tiaokaze, JA emfazas la tutan frazon. Se ĝi emfazas nur unu vorton en la frazo, ĝi devas stari antaŭ tiu vorto: *Ili havos pacon, sed ja kruelan.*

2. Klariga JA. Oni uzas ĝin en proporicioj, kiuj klarigas, motivas la enhavon de la antaŭa proporicio. Ĝia loko estas antaŭ aŭ post la verbo: *Ne timu, mi ja ne volas vin ofendi. Faru la aferon mem, vi havas ja sufiĉe da tempo.*

3. Konceda JA. Ĝia senco estas preskaŭ *kvankam*, kaj staras same antaŭ aŭ post la verbo: *Tion li ja ne diris, sed mi divenis. Vi klopodis ja multe, sed mi tamen ne estas kontenta pri via laboro.* Tiu konceda JA troviĝas ĉiam en la unua proporicio, kaj la dua proporicio nepre devas enhavi la konjunkcion SED.

**K. Kalocsay.**

# O B S E R V O

### La jubileo de Puŝkin.

Ĉi-jare oni festas la centkvindek-jaran datrevenon de la naskiĝo de Aleksandr Sergejeviĉ Puŝkin, la plej granda rusa poeto. Li vivis en Rusujo de la komenco de 19-a centjaro, kiam en la lando diboĉis la la luksa, nenifara vivo de la caraj korteganoj kaj aristokratoj, kiuj disipis la laborfruktojn de siaj servutuloj en brilaj festvesperoj, festenoj kaj drinkadoj. Sed sub la brila surfaco jam nigris la mizero de la kapitaliziĝanta grandurbo, kaj trans la grandurboj la vegetantaj vilaĝoj. Dekmilionoj da servutuloj suferis en bruta sorto, oni vendis kaj aĉetis ilin kiel bestojn, la servutulon la bienulo povis mortigi aŭ igi sia favorato, kiel la ĉashundon. Kaj sur la polvaj, malprogresaj bienoj regis la malvastmensa provinca nobelaro, nenisciа, nenipova, nenifara.

Inter tiajn cirkonstancojn naskiĝis A. Puŝkin, devenanta el malnova nobela familio. Li edukiĝis en liceo, estigita en unu alo de la cara palaco Carskoje Selo. Sed eĉ en tiun kovodomon de la estontaj korteganoj penetris la ideoj de la libero: la infana Puŝkin parto-

Via teorio pri la malrapideco de la angla verso estas interesa kaj ankaŭ trafa; vere, verso konsistanta el preskaŭ nuraj pezaj unusilabaĵoj ne povas glitl, sed nur paŝi. Sed ĉu tiun diferencon inter la karaktero de la angla kaj Esperanta versoj oni povas elimini per unu sola silabo? Se jes, la diferenco estas sensignifa. Se ne, oni devas elekti alian rimedon. Tia povas esti, ekzemple, en kelkaj okazoj, la anapestigo de la jambo. Tio, cetere, ne estas fremda al la angla poezio. Jen:

And as molten lead were the tears we shed
For the blood we had not spilt.

Tiuj anapestoj troviĝas nur malofte en la „Reading Gaol" de Wilde, en Esperanto ili povus esti uzataj preskaŭ ĉiuverse.

Resume: la traduko de la anglaj poemoj, laŭ mia opinio, ne estas farebla ŝablone laŭ la difinita skemo, sed oni devas ĉiuokaze zorge konsideri diversajn vidpunktojn por trovi la plej taŭgan solvon.

Unu rimarko ankoraŭ. Vi diras, ke la ecoj de naciaj lingvoj devas cedi lokon al la ecoj de nia poezio. Sed en la sama alineo vi diras ankaŭ, ke vi evitas certajn ritmojn, jam familiarajn en Esperanto (ekz-e la kromsilaban aleksandron), ĉar por la angloj ili estas preskaŭ nekonataj. El tiuj du kontraŭdiraj opinioj mi decide aprobas la unuan. Kiel Goethe skribis:

Por la poeton ekkompreni,
Necesas lian landon veni.

Necesas, ke la anglaj legantoj vizitu Esperantujon, se ili volas kompreni Esperantajn poetojn.

**K. Kalocsay.**

prenis en la „ribelo" de siaj kunuloj, kaj komencis verki poemojn. Kiam, ĉe ekzameno, la maljuna poeto Derĵavin aŭdis lian poemon „Rememoro pri Carskoje Selo", li saltleviĝinte ekkriis: „Jam ekzistas mia posteulo!"

Tamen, Puŝkin iĝis nemezureble pli granda ol kortega poeto verkanta en antikvumanta lingvo. Post la fino de la licea tempo, li ricevis oficon en la ekstera ministerio, kie — lau la tiamaj kortegaj kutimoj — li havis nenion por fari. Sed li laboris. Li faris poemojn, kiuj mokis pri la caro kaj pri la absolutismo. „Jam tremu, tremu vi, tiranoj, Kaj sklavaj tristaj popolanoj, Min aŭdu, kaj ribelu monde!" — li skribas en sia 18-a jaro. Aperas lia unua rakonta poemo „Ruslam kaj Ludmilla", kaj kun ĝi, je la plej granda indigno de la akademiaj literaturistoj, ŝtorme eniras nova, freŝa, popolvoĉa poezio la rusan literaturon. Kontraŭe al la pseudoklasika, trodolĉa, rokoka literaturo, Puŝkin eksonigas la lingvon de la popolo. La gazeto „Eŭropa Kuriero" jene esprimas sian konsternon: „Kvazaŭ barba gasto, en kampulaj kitelo kaj sandalo, trarompis en la elitan societon de Moskvo, kaj laute ekkriis: „Hej, knaboj, saluton!"

La revolucia spirito de Puŝkin sekvigis lian persekutadon, li estis ekzilita. En sia ekzilo li interamikiĝis kun la nobelaj revoluciuloj, la t. n. dekabristoj. Oni eksigis lin el lia ofico. Li vivas sola, interrilatas prefere kun kamparanoj, ofte vestas sin per kampulaj vestoj, aŭskultas la kantojn de la almozuloj, partoprenas en popolaj ludoj, kolektas popolfabelojn kaj popolkantojn. Tie li sciiĝas, ke la ribelon de la dekabristoj la caro sufokis en sango. La pereo de liaj amikoj turnas lin eĉ pli forte al la popolo: li ekkomprenas, ke la dekabristoj eraris, kiam ili tenis sin for de la popolo, ĉar sen la partopreno de la popolo ĉia revolucio estas kondamnita je fiasko. Sed lia fido je la afero de l' libero ne rompiĝas. Li skribas: „Rusujo vekiĝos, kaj sur la ruinojn de la absolutismo oni skribos niajn nomojn!" Li sciis, ke en liaj versoj la popolo mem parolas. „Mia pura voĉo estis eĥo de l' popolo rusa."

La nova caro, Nikolao I., volis lin allogi al si: la poeton, tiutempe jam eksterordinara popularan kaj amatan, li volis moligi kortega poeto. Aleksandro I. ankorau diris: „Puŝkin inundas la landon per indignigaj poemoj. La junuloj scias ilin parkere." Nikolao I. ŝanĝis la taktikon: „Se ni sukcesos direkti lian plumon kaj liajn parolojn, tio estos tre favora por ni." Kaj la caro deklaris, ke li mem estos la cenzuristo de la poeto. Tiu cenzuro, kompreneble, estis neniom pli bona, ol la animmortiga laboro de aliaj cenzuristoj. Oni, ekzemple, rigore mallaŭdis la poeton eĉ pro tio, ke unu parton de sia dramo „Boris Godunov" li laŭtlegis al siaj amikoj sen antaŭa permeso. Oni malfermis liajn leterojn; sen permeso li ne povis vojaĝi el unu urbo en la alian.

Post tio, rapide plenumiĝas la sorto de la granda poeto. La kortego vidas, ke la spino de Puŝkin ne fleksiĝas, ke lia genio fariĝis potenca socia forto. Kaj Puŝkin nun jam batalas ne nur kontrau la terurajoj de la feŭdalismo: indigne li skribas pri la sorto de la amerikaj negroj, kaj pri la situacio de la angla laboristaro. Pro lia polulareco oni ne kuraĝas lin simple „flankenmeti". Komenciĝas do la malnobla kortega intrigo kontraŭ la poeto, al kiu la caro altrudis ridindan korteganan funkcion. Oni skribas anonimajn leterojn, kalumniante lian edzinon. La retoj de tiu murda intrigo fariĝas pli kaj pli densaj. Fine li estas devigata elvoki je duelo la ĉefan heroon de tiuj klaĉoj, la francan emigranton d'Anthes. La kortego delonge atendas tiun momenton. La poeton trafas mortiga vundo, kaj li mortas en la 29-a de januaro 1837, en sia 38-a jaro. Lia morto vekas grandegan indignon. La kortego tiom timas, ke ĝi ordonas: „enterigi nokte, sen ia ceremonio". Tamen, lian katafalkon vizitas dek- kaj dekmiloj da homoj. Lermontov verkas poemon je lia morto kaj en ĝi malkaŝe eldiras: „Lin oni murdis malkuraĝe."

Per kio povas efiki Puŝkin ankaŭ al nia epoko? Per la alta kaj serioza idea enhavo de sia poezio. Tiu enhava riĉo estis postulo konscie metita de li mem: „Ne malutilus al niaj poetoj, se en siaj verkoj ili havus multe pli da pensoj, ol kiom ĝenerale troviĝas en ili. La rememoroj pri la pasinta junaĝo ne tre progresigas nian literaturon. La epoka kulturo postulas temojn seriozajn, instigantajn je pensado, postulas nutron por menso, kiu jam ne kontentas pri la brilaj ludoj de la fantazio kaj harmonio."

La realismo de Puŝkin estas literatura figurado de la surpreno de burĝrevoluciaj taskoj. Lia junula spito, kiu diktis al li la voltaire-anan mokemon de la epopeo „Gabrias", kaj per kiu li tiris sur sin la koleron de la caro; lia revolucia ardo, kiu lin faris modelo por la dekabristaj ribeluloj, manifestiĝas tempospite en liaj maturaj kreajoj. La grandioza, ĉiufibre antifeudalisma socio-observo de la „Onjegin", la sinofera revoluciemo de la „Bronza Rajdanto", la impeta popol-amikeco de la „Vilaĝo Gorjuĥino", la Gogolje acerba socio-kritiko de la „Dogruvskij" estas klaraj dokumentoj pri tiu nemisklarigebla starpunkto. Lia odo al la siberiaj ekzilitoj, la popola justo de liaj fabeloj, la societ-senmaskiga tendenco de la „Pique Dame", kelkloke preskaŭ memoriganta pri Balzac — ĉio ĉi komprenigas post lia morto la grandan ĝojon de la cara kortego sub la oficiala „funebro". Puŝkin estis plensanga

revoluciulo, batalis kontraŭ la carismo por progresa burĝa socio, sed sen tio, ke ĉi tiun li rigardus plej perfekta formo de ĉiuj socioj. Kelkaj liaj amaraj rimarkoj pri la siatempa angla kaj amerika demokratioj, lia mokado en „Pique Dame" pri la fetiĉo de la mono konkeris por si ankau la respekton de Marx kaj Engels.

La amo al Puŝkin vivas de cent jaroj en la rusa popolo. La sovjeta kulturpolitiko tiun amon faris konscia en la tuta Sovjetunio. La verkoj de Puŝkin aperis en 28 milionoj da ekzempleroj. Ĉio, kio estas daŭra, kaj ankaŭ tio, kio estas ŝanĝiĝema en Puŝkin, apartenas al la tuta sovjeta popolo. Kaj tial, ĉe tiu ĉi jubileo, ne ia akademio, ne ia literaturista elito, ne oficialaj instancoj, sed vere la tuta popolo festas la poeton, kiun ĝi fermis en sian koron.

**K. Stelov.**

**Centjara jubileo de Strindberg.**

La nomo de Strindberg ligiĝas al la transformiĝo de la sveda socio fine de la pasinta jarcento. Tiu reformomovado estis en kontakto kun la liberalaj tradicioj jam pli fruaj, sed oni postulis tiam per pli laŭta voĉo kaj kuraĝo radikalajn ŝanĝojn en ĉiu parto de la vivo. Strindberg mem estis la enkorpiĝinta opozicio, giganta forto, al kiu ne ekzistis neŭtralaj problemoj, nur pasie atakeblaj, au defendeblaj aferoj. Li estis unu el la plej potencaj dramaj talentoj de ĉiuj tempoj, kies efiko ĝuste nun, en la tempo de la triumfiranta realismo, klare aperas en la diversnaciaj dramliteraturoj; li povis esti mildvoĉa naturamanto, satiroplena skermanto kontraŭ ĉio maljusta kaj malnova, entute eksterordinara artisto, kiu neniam estis artisto nur pro la arto, sed kies instrumenta klavaro estis unu el la plej potencaj. Unu el tiuj, kiuj okaze de la Strinberg-jubileo faris eldiron pri la signifo de Strindberg, *Johan Falkberget* (norvega verkisto) mencias la nomon de Michel Angelo. La mencio estas trafa, ankaŭ la talento de Strindberg estas el la robuste grandiozaj, al kiuj Michel Angelo apartenas, kaj kiel Falkberget diras, ni estas tro proksimaj al li ankoraŭ, por ke ni konu lian tutan gravecon. La tempopaso nur pliigos la eĥon de la skulptilfrapoj sur la materio de Michel Angelo kaj same de Strindberg. Tiaspeca talento, kiel Strindberg, ne povis esti konsekvenca, sed unurilate ni trovas konstantecon en la karakterizo de lia riĉa individuo: li estis unu el la plej grandaj soluloj. Jan Fridegard (grava, sveda proletverkisto) diras pri unu verko de Strindberg (Sola): „Ĝi estas la plej soleca libro, pri kiu mi scias. La riĉa soleco de la genio froste-klare kuŝas sur la paĝoj, sed la impreso tamen ne iĝas dezerta." Fridegard trovas ties kaŭzon en la kontakta forto de Strindberg al la neklarigebla, nekaptebla, al la mistika.

Estas ege interese konstati, kiel riĉa fonto estas la verkaro de Strindberg, kiu povas estingi la soifon de diversgustaj trinkantoj. Kvazaŭ ĉiu trovas en tiu fonto ĝuste la serĉatan guston. *Eyvind Johnsson* — alia grava nomo de la sveda moderna literaturo — rememoras pri sia junaĝo kaj konfesas, ke lin ravis Strindberg, „ĉar li staris sincere sur la flanko de la laboristoj kaj volis atingi pli bonan socion sen sinjoroj kaj sklavoj".

Oni sentas, ke Strindberg efektive reaktualiĝis ĝuste en la nunaj tempoj tute sendepende de tio, ke 1949 estas lia centenaria jaro. Li ne estas unu verkisto, sed li estas tuta enciklopedio de la vivo.

Sidante ĉi tie kaj pensante pri la ardaj, furiozaj scenoj de „Fraulino Julie" kaj la aliaj dramoj de Strindberg, mi malfermas hazarde libron kaj ekvidas lian poementon, parton de pli granda poemo („Triunuanokto"). Ĉu tiu senzorga, simpla vivoĝojo, kiu aperas en tiu ĉi eta popolkanteca poemeto, devenus de la sama homo, kiu verkis la demone furiozajn membiografiajn verkojn: Infero, Ruĝa ĉambro, k. c.? Sed por prezenti ankaŭ tiun Strindbergon, jen mi tradukas la poemon por fini tiun ĉi rememoreton pri la granda poeto:

Bonvenon nove, kara sun',
venkinta froston, muĝon,
vi dormis jaron jam ĝis nun,
vekiĝo pentras ruĝon.
Vi donu varmon al la mond'
al spik' de l'kamparano,
al vento, verdo, vigla ond',
loganta nin al bano.
Bonvenon nove, kara sun',
kaj brilu akvo, valo;
ekplaudu kanto, violon'
por nokta, kampa balo.

**F. Szilágyi.**

**La sepa mortinto.**

Sur la 74-a paĝo, Hortense estas fraŭlino kaj estas bela, juna, malriĉa. Tio signifas, ke laŭ la leĝoj de la detektivromano, sur la lasta paĝo, sur la 212-a, ŝi estos edzino kaj riĉulino. Jen la konscio, kiu mian animon tenas tamen iom trankvila. Ĉar Hortense ne scias, kio ŝin atendas. Ŝi legis nur anoncon — sur la 32-a paĝo —, en kiu altranga sinjoro serĉas, en graflando Sussex, sekretariinon por po 25 funtoj sterlingaj semajne. Mi ne scias, kiom estas 25 funtoj sterlingaj, sed devas esti multe, ĉar Hortense senhezite ekiras al Sussex. Ŝi estas, ŝajne, responda al la kondiĉoj. Ŝi estas juna, bela kaj el bona familio. Tio estas tre kuraĝiga. En detektivromanoj oni maloftege murdas la homojn el bona familio. Terurajoj okazas al ili, sed je la fino ili tamen edziĝas aŭ edziniĝas. Eble ankaŭ en Hortense vivas tiu espero, ĉar kun pena precizo ŝi tenas sin al la kondiĉoj de la anonco: „Sin prezenti en griza kostumo, kun tia sama vualo kaj ruĝa manvalizo."

La trajno ekiras. Ankaŭ mia trajno — mi legas en trajna kupeo — kaj, bedaŭrinde, ankaŭ la trajno de Hortense. Angoron havas provizore nur mi, la knabino ne. Ŝi gaje cigaredas, prenas gazeton kaj legas. Ŝi ne scias, kion mi — kaj ĉiu leganto — sciis jam sur la 24-a paĝo, ke sur la vespera rapidvagonaro, kiu veturas al Sussex, oni murdis jam ses junajn knabinojn. Ĉiuj ses surhavis grizan kostumon. Nu, tio ankoraŭ ne estas surpriza. Sed ĉiuj ses havis grizan vojaĝvualon kaj ruĝan manvalizon — tio jam estas timiga, terura kaj minaca kiel mortkondamno. Ses knabinojn jam pereigis tiu monstro, kaj la titolo de la libro estas: La Sepa Mortinto. Mia dorso frostas, kiam mi pensas, kio atendas Hortense-on. Ses knabinoj vojaĝis antaŭ ol ŝi en la morton, tiel same, kun kostumo kaj vualo: oni facile povas elkalkuli, kiu estos la sepa. Sed mankas tempo eĉ por kalkulo. La trajno — la sussexa — brubrue kuregas en tunelon. Kaj tiam malrapide malfermiĝas la kupea pordo, ganta mano etendiĝas internen kaj serĉas la kuplilon. Klaketo — la kupeon kovras mallumo.

Tio okazas sur la 96-a paĝo. Mi fermas la libron, langvore mi ĉirkaŭrigardas. Mi ne eltenas plu. Ŝajne la detektivromanon oni devas preni nur po malgranda dozo, kiel la venenon. La organismo devas alkutimiĝi. Kiu malofte ĝin ensorbas, al tiu ĝi malutilas, kiel la forta brando. Tamen, la komparo estas malbona: la efekto de tiaj skribaĵoj estas ĝuste mala ol tiu de la alkoholo. La alkoholo kuraĝigas la homon, la ebrio de la detektivromano estas ebrio de timo. Mi mem, almenaŭ, timis. Mi timis ekde la momento, kiam Hortense surmetis la kostumon. Mi timis jam eĉ pli frue: kiam ŝi legis la anoncon, mi sentis jam la saman teruriĝon, kian ni sentas, kiam antaŭ niaj okuloj homo estas subpremota de tramo.

Jen kio min konsternis: tiu timo. Neniam mi sentis tian timon ĉe aliaj legaĵoj. Ni povas trairi la inferon de Dante, kaj ni ne sentas tian. Sed ni ĉiam ĝin sentas ĉe detektivromano. Malkaran timon kaj malkaran esperon: oni celas al iu per pistolo, sed ni scias, ke la kartoĉo estas senkugla. Ĝi havas sonon kaj fumon, sed ne havas kernon. Estas nekontesteble, ke Hortense — sur la 212 gaĝo — estos savita de la majstro-detektivo. Tiu ĉi mortpafos la monstron de Sussex, edzinigos al si Hortense-on, kaj tiam komenciĝos la sekuro, la paco kaj la senembarasa feliĉo. Feliĉo? Nu, tiu feliĉo estas multe pli ekscita, ol la monstro de Sussex. Sed pri tio silentas la libro.

Jes, la feliĉo. Tiu feliĉo radikas en la konstanteco kaj sekureco, kies garantio estas la mono. Tial silentas pri ĝi la verkantoj de kriminalaj romanoj: oni ja ne povas verki libron pri konstanteco, kaj ankaŭ la „ĝojojn de la mono" neniu priskribis ĝis nun. Tiun animstaton konas nur la ekonomoj. Keynes, en sia famiĝinta libro (La ekonomiaj sekvoj de la paco) konceptis tiun trans *happy-ending*-an feliĉon multe pli bone, ol mi povus. Li skribis pri la jaroj antaŭ la unua mondmilito, pri la jaroj, de la „beata paco" la jenon: „La Londona burĝo, kiu trinkis sian teon en la lito, povis mendi telefone ĉiujn varojn de la tuta mondo, kiom li nur deziris, kaj li povis esti certa, ke tiujn varojn oni ekspedos precizege la lia domo. Samtempe kaj sammaniere li povis investi sian monhavon en naturriĉaĵoj kaj entreprenoj, kaj sen la plej eta peno li partoprenis el la profito aŭ enspezo. Laŭdezire li povis kunigi sian monon kun la havaĵo de ĉiu ajn popolo, de ĉiu ajn komuno, laŭ siaj informiĝoj aŭ imagoj. Se li volis vojaĝi, li nur sendis sian lakeon al la plej proksima banko, kaj alportigis laŭplaĉe noblan mineralon... Kaj li estus ege mirinta, se lin — kun la ora mono en lia poŝo — iu ĝenus per demandoj. Kaj plej strange estas, ke li trovis tiun staton tute natura. Ĉian ŝanĝon li rigardus superflua, skandala kaj freneza."

Nu, tiu Londona burĝo, se li vojaĝis, certe ne portis kun si „La Sepan Mortinton". Li ne bezonis ĝin. Li vivis ĝisorele en tiu konstanteco, kiu hodiaŭ komenciĝas nur sur la 212-a paĝo de la detektivromanoj. Multaj aferoj okazis dum tiuj 25 jaroj.

Jen — ekzistas angla verkisto, kiu ĉiujare verkas du detektivromanojn, kaj tiuj aperis ĝis nun en kvar milionoj da ekzempleroj, sole sur la teritorio de la angla lingvo. Lia nomo estas Peter Cheyney. Kvar milionoj da ekzempleroj — tio montras, ke Cheyney trafis la mezon de komuna animstato.

Kiel skribas Peter Cheyney? Li mem perfidas tion en aŭtobiografio.

Antaŭ ĉio, li elektas por si temon. Bone, ankaŭ Tolstoj faris same. Sed poste Cheyney serĉas ankaŭ bonan intrigon. Kiuj estas la bonaj intriguloj? La opio-kontrabandistoj, la spionoj, la kloroformaj rabistoj, mallonge: ĉiuj Balkanaj elementoj malsekurigantaj la vojaĝon inter Londono kaj Sussex. Nun, se li jam havas iun tian, li „facile kaj rapide" kunmetas la karakterojn. Ĉiu heroo ricevas kartotekon, kiu havas la sekvajn rubrikojn: naskiĝo, havo, kutimoj, speciala distinga marko, okulfrapaj inklinoj, tiko... Kiel sur demandilo de popolnombrado. La rubrikojn la verkisto plenigas, kaj jam estas preta la skizo: batalo inter la persono el bona familio kaj la intrigulo. Nun sekvas la komisiono, kiun Cheyney nomas areopago. Ties membroj estas: advokato, policano, kuracisto, scienculo kaj verkisto (!). Cheyney rakontas

la temon, la areopago diras sian opinion. Ĉio ĉi estas tre demokrata, vere. Poste Cheyney diras en diktafonon la tute pretan kaj seneraran romanon. Ĉiujare du romanojn. Jen, kvazaŭ eminenta inĝeniero modernigis la labormetodon de Dostojevskij: mankas la cerbumo, mankas la tiel laciga trakribro de la kruda materialo: de la vivrealaĵoj. La verkado simpliĝis je kelkaj labormovoj. Tiel pretiĝas la Bedeaux-romano. Ĉiujare po du.

Sed tiun varon oni pakas en kvar milionoj da ekzempleroj, do oni fidas je ĝi, do ĝi havas krediton. Estas vere, tamen, ke Cheyney, kiel la monfalsistoj, prosperas ne el sia propra forto, sed el la grandega orprovizo de la literaturo. Lin subtenas la nemezurebla kredito de la vorto; kiam li skribas: „Hortense lace fermis la okulojn", tiam kvar milionoj da homoj — sole sur la teritorio de la angla lingvo — kredas tion al li pro Dickens kaj Balzac. Kaj — por la propra anima ekvilibro.

Peter Cheyney estas 185 mcojn alta, havas monoklon, blondajn lipharojn kaj knaban rideton. „Naiva blonda giganto" — diras la biografio. Sed eble eĉ ne tiel naiva. Dudek amerikaj radiostacioj dissendas semajne liajn verkaĵojn. Mi legas. sur la titolpaĝo de la franca traduko: P. C. konsolanto de la homaro. Li estas ŝatata verkisto de prezidanto Truman kaj de la rumana eksreĝo Mikaelo, kaj eĉ — oni diras — de la prezidanto de la franca respubliko. Nu, tio estas reklamo, sed tre kredebla. Povas esti, ke Vincent Auriol eĉ ne aŭdis pri Cheyney, sed tamen li estas la konsolanto de kvar milionoj da homoj, kiuj kredas je la konstanteco, kvankam sub ili ekŝanceliĝis la tero. Tiuj nenion legas de Balzac, nek de Dickens, nek de Dostojevskij, ili legas nur de P. C. Ĉar nur P. C. kredigas al ili, ke la vivo estas nura sekuro kaj paco ĝis la unua paĝo de La Sepa Mortinto, kaj post ties 212-a paĝo. Kio intere estas, tio estas aventuro, escepto, transiro. Estas terure, kio multa ekzistas: vojrabistoj, kloroformaj murdistoj, virinrabaj ĉinoj, mezeŭropaj kokainkontrabandistoj, kiu scias, kio ankoraŭ. Pro tiuj falas la kurzoj en la borso kaj ŝanceliĝas la bonaj koloniaj paperoj... Sed tiu angoro baldaŭ finiĝas,, kaj sur la 212-a paĝo rekomenciĝas la sekuro kaj konstanteco, la tetrinko en la lito, kaj la malnova „feliĉa paco". Jen kion kredas kvar milionoj da legantoj. Sed ili eraras. Sur la 212-a paĝo ja estas skribite: Fino. Kaj tio estas, en La Sepa Mortinto, la sola vera vorto. **S.Oe.**

**Idilia amvivo.**

Socia aranĝo, kiun antropologoj raportas el multaj mondopartoj, estas la „fraulejo" aŭ komunuma dormejo, en kiu la junaj viroj — aŭ, iuokaze, la gejunuloj — vivas inter infanaĝo kaj edziĝo vivon pli malpli memstaran. La ofteco de tia aranĝo en tre diversaj lokoj povas supozigi apartan elpensadon por necesa socia rolo, sed ĝis nun ni havis nur tre nebulajn priskribojn pri ties funkciado. En multaj regionoj la okazaĵoj interne de tiuj institutoj estas sanktaj sekretoj, kaj aliokaze la indiĝenoj suspektas fremdan malaprobon kaj rifuzas paroli aŭ mensogas. Sed nun en Britujo aperis libro: „La *Muria* kaj ilia *Ghotul*" de Verrier Elwin, kiu priskribas streĉe kaj plendetale la vivon de la vilaĝaj junulaj dormejoj ĉe aŭtoktona hinda tribo. Elwin renkontis unue, kiel la antaŭaj antropologoj, mensogojn kaj evitojn, sed per feliĉa cirkonstaco li povis venki ilin. Kiel oficisto li donadis al la indiĝenoj konkretan helpon; li tre amis kaj admiris la muriojn, kaj „la murioj ne povas kontraŭstari al la amo"; kaj lia edzino estas gondino membrino de najbara gento, do akceptiĝis kiel egalulino ĉe la muriaj knabinoj.

La murioj estas praa gento ĉ. centmilmembra. loĝanta la ŝtaton Bastar en centra Hindujo. Ili kombinas la primitivan terkulturon (per bruligado) kun precipa ĉasado per pafarko kaj la kolektado de natura manĝaĵo. Ili apartenas al patroliniaj klanoj kaj uzas totemojn. Iom influite de hinduismo, ili tamen havas propran diaron kaj ritaron, en kiu la grave rolas la tranco.

Antaŭe la muriaj vilaĝoj estis unuklanaj kaj ĉar enklana seksado estis prohibita, do tiam la gotuloj (fraŭlejoj) estis unuseksaj. Sed la klanoj intermiksiĝis kaj nun sekskunuloj estas troveblaj en la sama vilaĝo: la gotulo do farigis ambaŭseksa.

La infanoj aliĝas al la gotulo, tuj kiam ili fariĝas fizike sendependaj kaj ili restas anoj ĝis la edziĝo. La geedziĝojn plejofte la gepatroj aranĝas. Ili okazas ŝajne en la malfruaj dekplusaj aĝojaroj. La gotuloj estas teokratie sankciitaj kaj la membroj devas plenumi certajn ritajn devojn ĉe la socio, ekzemple dum edziĝoj kaj enterigoj. La popolaj artoj — muziko, kanto, danco, lignoskulptado — estas praktikataj nur de la gotulanoj.

La muriaj gotuloj estas dutipaj, kun kontraŭaj moroj de seksa konduto. En la verŝajne pli malnova kaj certe pli malofta, la seksa fidelo estas observata kaj la pariĝoj estas do analogo de la geedzeco. En la pliofta tipo la seksa posedemo estas prohibita kaj la anoj estas pagpunataj, se ili dormas pli ol tri noktojn sinsekve kun la sama kunulo. La dormkunuloj estas ofte difinitaj de unu el la oficistoj, kvankam okaze la persona prefero povas manovre eviti tiajn trudaranĝojn. Okazas ankaŭ periodoj de rigore trudita sindeteno, tamen ĉiuj junaj gemurioj vivas oftan kaj tre varian amvivon dum la malfrua infanaĝo kaj adoleskeco. La murioj kredas, ke la virina

deziro estas pli forta ol la vira: tiel en la mito kiel en la praktiko estas la virinoj, kiuj iniciatas.

S-ro Elwin konstatas per statistika esploro du socie tre gravajn faktojn: malgraŭ la ofteco de antaŭedziĝa ama vivo okazas tre malmultaj neleĝaj naskoj, kaj la geedziĝoj post tiu frua provado estas rimarkinde feliĉaj kaj fortikaj, kun tre malmultaj eksedziĝoj kaj tre malmulta adultado. Interese estas, ke ĉe la „neregulaj" edziĝoj de infanaĝaj geamantoj la eksedziĝoj estas pli ol kvaroble pli oftaj ol ĉe la aranĝitaj edziĝoj. Tiuj konstatoj kongruas kun tiuj pri aliaj gentoj: la trobriandoj (esploro de Malinovski), la samoanoj (Meda) kaj la lepkoj (Gorer). Elwin konkludas, ke la relativa manko de fruaj gravedoj estas fiziologia fenomeno: ke ekzistas periodo varie longa (la murioj diras tri jarojn), dum kiu la ama vivo preskaŭ ĉiam estas senfrukta.

El psikologia vidpunkto unu el la ĉefaj celoj de la gotuloj estas disigi grandparte la seksvivon de la sinsekvaj generacioj. Plejmultaj primitivaj socioj havas tiacelajn aranĝojn por eviti la konkuradon de pli aĝaj kun pli junaj homoj. La gotulo, do, sukcese liberigas la murian seksvivon el strečoj kaj konfliktoj, tamen tiu gajno havas ankau sian socian koston. Por la murioj la apogeo de la vivo estas la dua jardeko: ne sole la plej grandaj plezuro kaj libero estas tiam ĝuataj, sed la praktikado de ĉiuj popolartoj estas limigita al homoj en tiu aĝo. S-ro Elwin mencias okazajn fraŭlojn 30-, eĉ 40-jarajn, kiuj restis gotulanoj kaj portadas ankoraŭ la junulajn kostumojn. Li esprimas miron, ke tiuj maloftaj esceptoj ne estas pli oftaj, sed ĉu ne estus pli racie, anstataŭ miri, konstati tiun maloftecon kiel indikon pri la sukceso de la gotula institucio entute?

Komunikas: **John Watson.**

**La Juna Gvardio.**

La filmo „La juna gvardio", farita laŭ la fama romano de Fadjejev estas epopeo pri tiu vera historio, kiu disvolviĝis en 1942, dum la germana invado, en la Donjec-regiona urbeto Krasnodon. Gejunuloj, 14—18-jaraj knaboj kaj knabinoj, organizis tie la reziston, kaj igis la vivon infero por la nacistoj kaj iliaj kunkulpuloj. Per sia sinofera batalo ili helpis, preparis la triumfon de la Ruĝa Armeo. Tiun triumfon ili mem ne ĝisvivis, sed pri ties alveno ili ne dubis eĉ unu momenton. Tiu filmo estas tragedia, kaj havas tamen animlevan, optimistan efikon.

En pluraj verkoj oni montras la revoluciulojn — kaj virojn kaj virinojn — asketoj, rigoraj obstinuloj, kiuj agas senĉese kun ia malvarma patoso. Kelkaj francaj kaj anglosaksaj dramverkistoj montras ilin nuraj nervmalsanuloj, kontraŭ kiuj la nacistoj-hitleranoj sajnas iaj kruelaj, sed regi sciantaj superhomoj. Ĉi tiu ĉefverko figuras siajn heroojn tiaj, kiaj ili efektive estas: la heroo, preta *ankaŭ* morti por sia patrujo, ne estas heroo *seninterrompe*, sed li aŭ ŝi havas ankaŭ momentojn sentimentalajn, povas esti ankaŭ enamiĝinta, povas ankaŭ danci. Iude ĉikani siajn kunulojn; t. e. la karaktero de la heroo ne estas unuebena, ĉar ankaŭ li estas homo, en kiu kaj sur kiu — ĝuste ĉar li vivas por sia popolo, por la bono de sia popolo — speguliĝas ĉiu momento kaj ĉiu ŝanĝo de lia vivo kaj medio.

La rolantoj de tiu epopeo donas ankoraŭ unu instruon. Neniam eĉ per sola gesto, per sola vorto ili signas, ke ili konscias pri la tragedio, ke ili ne povos jam vivi kiel liberaj civitanoj. El ilia ludo, el ĉiu momento de ilia filma vivo, el ilia sinofero oni klare sentas: ili scias, ke per sia ago ili alproksimigas per kelkaj paŝoj la celon: la neniigon de la malamiko, la liberigon de sia patrujo kaj sian individuan liberigon.

Ilia ago do ne estas ofero: ili ne sentas sin martiroj. Libera civitano de la socialista patrujo ne povas agi alie ol la Krasnodona junularo. Tiun memkompreneblecon vivas antaŭ ni sur la ekrano la sovjetaj filmaktoroj.

La filmo konigas al ni la kontraupopolan barbarismon de la nacistoj, kaj instruas nin pri tio, kiel granda faro estis, ke la sovjetpopolo — grandulo-malgrandulo — en sangaj kruelaj bataloj distretis la plej abomenan malamikon de la laboruloj: la hitleranojn. Kaj ĝi instruas per tiu vere okazinta historio pri tio, kiel kore amas la sovetpopolo sian landon de socialismo, se ĝi — junulo- maljunulo — povas tiel lukti por ĝi. Tiel luktas sole popolo, kiu scias, kion signifas vivi en tia vivoformo, kie la humiligo de homo fare de homo estas la plej granda krimo de ŝtatano.

La akompana muziko de Ŝostakoviĉ estas belega.

**K. Stelov**

**Howard Fast: Thomas Paine.**

Howard Fast, la persekutata usona verkisto, estis tridekjara, kiam pri lia romano „Thomas Paine" ekatentis la internaciaj literaturaj rondoj. De tiam la kritiko lin vicigas inter la plej talentaj usonaj romanistoj.

Thomas Paine estis malriĉa angla laboristo, kiun la gino ne povis konsoli, kaj kiu elmigris al Ameriko. Tie nova homtipo estis naskiĝanta, laŭ bazo de simpla kaj pura promeso. Tiu promeso estis la libero.

Thomas Paine batalis en la Sendependeca Milito kontraŭ la angloj, kaj kontraŭ la kontraŭrevoluciuloj, kiuj pli timis la popolon ol la fremdan potencon. Li ekkonis la verkojn de francaj enciklopediistoj kaj anglaj filozofoj: li jam scias, ke la civila milito havas internacian signifon. Li iĝas presisto kaj ĵurnalisto: el liaj flugfolioj ler-

# RECENZO

**Freeman Will Crofts:**
**Morto de trajno.**

Romano, tradukita de Mason Stuttard el la angla lingvo. Eldonis The Esperanto Pub- Co Ltd. 256 paĝoj. Bindita.

La verko estas detektivromano, kies intrigon formas ne murdo, sed strategia kaj politika sekreto. Tio efikas des pli forte, ĉar la dua mondmilito, pri kies spion-intrigoj temas en la libro, estas ankoraŭ en proksimo kaj en ĉies memoro. Oni facile „meziĝas" en la rakonton, malgraŭ ke la komenca parto estas iom peniga por amuza literaturo. La matematika flanko, tio estas la logika konstruo de la intrigo, estas senerara, sekve la romano interesas ĉiujn logatajn de logika ĉasludo. Entute, la libro estas nek pli nek malpli ol detektivromano, sed per tiu konstato mi tute ne intencas ĝin mallaŭdi: ĝi estas senriproĉa en sia speco. Kelkloke ĝi pretendas tro da koncentriĝo dum lego, sed — ion ja faru ankaŭ la leganto, povus respondi la aŭtoro.

La enhavon mi ne rakontos, ĉar la legontoj tion ne dankus al mi. Sed pri la verkisto — unu el la gravaj nomoj de la detektiva literaturo — mi volonte malkaŝas, ke li estas aktiva esperantisto, partopreninta plurajn esperantistajn kongresojn.

La nomo de la tradukinto, Mason Stuttard, vekas pretendojn: li estas bonnoma stilisto. Lia traduko ankaŭ ĉi-foje estas entute bona, sed eble pli metia ol arta.

Plaĉis al mi kelkaj lertaj vortokreaĵoj, ekz-e: „la konduktoro *forsignalis* la trajnon". Sed oni trovas ankaŭ riproĉindaĵojn. Plurfoje senbezone tumultiĝas konsonantoj, ekz-e: fortŝranko, fajrbrigado (jrbr!). Kelkaj gramatikaj eraroj (intermikso de adverba kaj adjektiva formoj) estas eble nur preseraroj. Sed kial la akuzativo en la frazo: „mi opinias, ke post ne pli ol du aŭ tri tagojn"? Anstataŭ: „por kontroli, ke neniu eniros, krom se oni havas rajtigilon" perferinde estus: „por kontroli, ke neniu eniru, kiu ne havas rajtigilon." Le jenan alienon, eĉ trejnite de la detektiva rakonto, mi ne sciis plene solvi: „Ni funkciigis trajnon kun gravega ekipaĵo, urĝan, ĉar ĝi devos trafi eskortaĵon. Dum sia vojaĝo ĝi estis pereigita. Tiu ne estis la specialega trajno, sed — kaj jen la punkto, kiu min pripensigas — se ne okazus neantaŭvidebla hazardo, tiu ja estus.".

Kelkajn prepoziciojn la aŭtoro konsekvence misuzas. La ĉefa ekzemplo estas *preter*, aperanta oftege en senco erara. *Preter* havas signifon de movo, kaj sekve la frazo: „Ĝi staris preter la lokomotiva turnplato" — estas absurda. Kial ekzilas la tradukinto la prepozicion *krom*, uzante *ekster* anstataŭe?

Anglismo estas la vorto *sugestii* en la senco: indiki, supozigi. Kurioza ekz-o: „La aliaj postsignoj estas malgrandaj, por sugestii virinon". Strange uziĝas ankaŭ la vorto „familiara", kies senco, laŭ P. V., estas: senceremonia, intima, kaj tamen la tradukinto uzas ĝin priskribante la sekvojn de katastrofo: „oni povis vidi malĝojigan sed familiaran vidaĵon". „Familiara" inter ruinoj? Sur la paĝo 68. mi legas: „Ĉu oni ankoraŭ scias la kaŭzon de la katastrofo?" Tio signifas: Ĉu oni ĝin ne forgesis? Ĝuste: *jam*. Anstataŭ *ĉio ĉi tio* sufiĉus *ĉio tio* aŭ *ĉio ĉi*. Malfacile estas obei la jenan alvokon: „oni devas povi legi ĝin sen peno". Ekzemplo pri tio, kiel tede povas efiki la mal-vortoj: „La komuniko... iom *mal*pliigis la *mal*kvieton de Trevor. La *mal*sukceso *mal*kovri la kaŭzon de la pereo tre *mal*trankviligis lin." Tio, ke la tradukinto ne sentas la tedecon de tiu *mal*-tumulto, bone komprenigas lian malemon al la neologismoj. Cetere, lian specialan amon al la mal-vortoj pruvas ankaŭ la kreaĵoj: *malride* (ne plore, sed serioze), *malblonda* (kial ne: bruna? aŭ nigra?), *maltordiĝi* (nesolvebla eĉ helpe de la kunteksto).

Tamen, traduko estas eksterordinare malfacila tasko, kaj per tiuj rimarkoj ni tute ne volas diri, ke la tradukinto malsukcesis. En la pleja plejparto, la traduko estas facile legebla, oni „devas povi legi ĝin sen peno".

La eksteraĵo de la libro estas tre agrabla.

**F. Szilágyi.**

---

nas la soldatoj, por kio ili batalas kaj „komencas revi pri nova mondo".

Post la venko, Paine reiras al Anglujo. Sed, post la apero de lia verko „Homaj Rajtoj", li devas rifuĝi al Calais. Tie li skribas siajn famajn vortojn pri la justa kaj maljusta militoj.

Reveninte al Usono, li esperis revidi triumfan, liberan respublikon, sed lin akceptas malamo de hipokrituloj, kiuj lin persekutas pro lia libro „La epoko de la menso". Li mortas per kuglo de fanatikulo.

La patosa priskribo de Fast pri ĉi tiu vivo neniel similas la kutimajn biografiojn. Mankas en ĝi historio-falsanta impliko, enestas nur homo, kun ties ĉiuj malfortoj, noktoj kaj tagoj, presfarbaj manoj, viskia glaso, malfeliĉaj amoj, sed samtempe kun ties pensoj, laborado, libroj, tuta epoko. Ĉi tiu romano estas pasia kaj senindulge sincera, kiel ĉiu alia verko de Howard Fast. Ĝi estas realista romano, en kiu, tra la homoj, ĉiam ĉeestas la historio: la amerika revolucio, kaj kio tiun sekvis.

Kiu vere volas koni Amerikon, tiu devas legi ĉi tiun romanon. Ĝi ne spegulas la tutan Amerikon, sed spegulas ĉiun amerikan esperon kaj senesperon, la „lumon kaj ombron".

**J. Smith.**

**Leteroj de Zamenhof.**

La tragedio de lia vivo rivelita de lia ĵus retrovita korespondo kun la francaj eminentuloj. Prezentado kaj komentado de Prof-o G. *Waringhien*. I. parto, 1901—1906. Eldonis SAT, Parizo, 1948. 368 paĝoj. Formato 14 x 20. Tole bindita.

La esperantista publika opinio, se tia ekzistas, devas akcepti ĉi tiun libron kun granda kaj ĝoja ekscitiĝo. Unue ĝi abundege komunikas al ni nekonatajn manuskriptojn de Zamenhof (sume ĉ. 260 leterojn), kaj certe, ĉiu Zamenhofa skribaĵo apartenas al la trezorejo de nia lingvo, do per la verko ni grave pliriĉiĝas. Due, la libro komunikas al ni abundajn nekonatajn faktojn pri la historio de nia lingvo, kaj la komentanto estas prava dirante, ke tiuj ĵetas tute novan lumon sur ties longan periodon: ekde 1901 ĝis la unua mondmilito. Trie, tiu materialo estas al ni prezentita en bonega aranĝo: Waringhien ne malprave dividas ĝin en ses aktojn: ĝi efikas al ni kiel vera dramo, eĉ tragedio. Tion Waringhien atingas per la lerta ordigo kaj per siaj intermetitaj, rimarkoj tre instruaj, tre koncizaj, dank' al kiuj la libro ofte ŝajnas ne simpla leterkolekto, sed historia rakonto ilustrita per leteroj. Ties grandan avantaĝon montras precipe komparo al la Originala Verkaro kunmetita de Dietterle. Ĉi tiun oni studas kiel krudan materialon, la libron de Waringhien oni legos kvazaŭ romanon. Sed certe, ankaŭ mem la materialo havas draman aspekton, montrante al ni la baraktadon de ideala pensulo en la reto de la kapitalo, kaj inter gloravidaj, obstinaj, senkomprenaj, arbitremaj, ĵaluzaj, malfide interkverelantaj adeptoj.

La esperantistaro vere ŝuldas grandan dankon al Waringhien por lia granda kaj ame fervora laboro. Ĉar multa peno, multa amo kuŝas en tiu libro: la kolekto de la materialo, ties ordigo, la zorga esploro de la cirkonstancoj inter kiuj la leteroj estis skribitaj, tiu facila koncizo, kun kiu li kreas la vivantan kadron de la leteroj, kostis multege da ofero de tempo, multege da studo. Nur grandega amo al nia afero povas instigi je tia entrepreno.

Por tamen iom ĉikani amikon Waringhien, mi diru, ke lia Prologo efikis al mi kurioze. Ĝi estas bela ekzemplo pri tio, ke per la prezento de evidentaj faktoj oni tamen povas ne diri la realaĵon, se tiu prezentado estas statika kaj neglektas la dinamikon kaj interdependon de la aferoj. Li pentras idilian staton pri la tempoj de la finiĝanta XIX.-a centjaro. Oni kredus laŭ liaj vortoj, ke la kapitalismo benis la mondon per prospero kaj feliĉo, kaj tiam, subite, kiel malbona dio el maŝino, venis la milito, kaj difektis tiun belan mondon, tiel belan, tiel riĉan, „ke eĉ du kvarjaraj mondmilitoj ne povis komplete ruinigi ties heredaĵon." La fakto estas, ke tiu idilia mondo kovis en si la militon, ke la rusa „Ohrana" estis ne „barbara anakronismo, baldaŭ malaperonta", sed dolora signo pri la imperialisma politiko en koloniaj kaj dependaj landoj, kies laboriŝtaro, per siaj suferoj, certigis al la laborista aristokrataro de la okcidento tiun altan vivnivelon, tiel glore menciitan de Waringhien. La kapitalismo, en tiuj tempoj, vere malpliigis la internan streĉon, sed tiamaniere, ke ĝi transformis ĝin je streĉo ekstera, kiu fine devis eksplodi en mondmilito. Kaj la „Rerum Novarum" tiel same ne estis taŭga solvi la socialan demandon, kiel la rusa caro kaj la germana imperiestro ne savis — kaj ankaŭ ne volis sincere savi la mondon el la danĝero de milito, kaj kiel la Nobel-premio eĉ unu solan homon ne savis de la mortiga povo de la dinamito.

Nun mi vidas, ke pri tiuj du paĝoj mi skribis pli en mia recenzo ol pri la ceteraj 366. Tiu ŝajnas malbonvola, certe ne elmeritita de amiko Waringhien. Sed la recenzisto volonte riproĉas, kaj oni povas riproĉi nur tie, kie oni trovas okazon por tio. En la ceteraj 266 paĝoj mi ne trovis tian okazon.

La riĉan trezorejon de la libro oni ne povas elmini en unu sola recenzo; por tio necesas pli longa kaj tranvila studado. Pri kelkaj punktoj, precipe lingvaj, ni intencas ankoraŭ paroli en nia revuo.

Mi diru ankoraŭ, ke la libron kompletigas tre detala indekso, per kiu oni facile trovas ĉion rilatantan al iu temobjekto. Mi estas certa, ke la esperantistaro akceptos la verkon kun tia amo, kun kiu ĝin preparis ties aranĝinto por ni, kaj por la sekvontaj esperantistaj generacioj.

K. Kalocsay.

---

**Neologismoj.**

Laŭ la deziro de pluraj niaj legantoj jene ni klarigas kelkajn vortojn en la ĉi-numeraj poemoj, netroviĝantajn en la Plena Vortaro:

**Acerba:** adstringagusta, kiel nematura frukto; pesimisme pika; **anheli:** spiregi; **bebo:** suĉinfano; **descendi:** malsupreniĝi; **devota:** pie sindona; **dokta:** sciplena, klerega; **dura:** malmola; **febla:** malforta; **flako:** pulvmarĉeto; **fragila:** rompiĝeme gracila; **hida:** terure abomena; **jelpi:** plorboji; **karnivora:** karnomanĝa; **klami:** plurvoĉe krii; **lazo:** kaptomaŝo; **nupto:** geedziĝo; **olda:** maljuna; **paseo:** estinteco; **pigra:** malvigla; **plumpa:** malgracia; **povra:** kompatinda; **predo:** rabakiraĵo; **sturmi:** kurataki; **trista:** malgaja; **vaka:** malplena; **vertiĝo:** kapturniĝo; **uzino:** fabrika instalaĵo.

**Glisi, lopi, sori, plonĝi, zomi:** aviadaj terminoj.

## NIAJ REPREZENTANTOJ

*AUSTRALIO:* F. V. Taylor, *Albury*, N. S. W. 653 Jones Street.

*AUSTRIO:* Librovendejo „Tramondo", *Wien*, I., Neutorgasse 9.

*BELGUJO:* Flandra Esperanto Instituto, *Brussel*—West, Pieter van Humbeckstr. 3. Belga Esperanto Instituto, *Antwerpen*, Oestenstraat 26.

*BRITUJO:* Universala Esperanto Asocio, Heronsgate, *Rickmansworth*.

*BULGARIO:* Internacia Kulturo, *Sofio*, str. Tri Uŝi 15.

*ĈEHOSLOVAKIO:* „Revuo Esperantista", *Praha*, Uralské Nám 9.

*DANUJO:* Libro-Servo de CDEL, *Kopenhago*, Pr. Jorgensgade 4 A.

*FINNLANDO:* Vilho Setälä, *Helsinki*, Onnentie 23.

*FRANCIO:* Unuiĝo Esperantista por Francio, *Paris*, 10 e. 34 rue Chabrol.

*HUNGARIO.* Béla Berceli, *Budapest*, VIII., Rökk Szilárd-str. 28. Poŝtĉekkonto nro. 4014.

*ITALUJO:* Luigi Minnaja, Roma, Viale Giulio Cesare 223.

*JUGOSLAVIO:* Slovenia Esperanto Ligo, *Ljubljana*, Cankerjevo Nabrazje 7/1.

Kroatia Esperanto Ligo *Zagreb* II. Amruseva 5/1.

*NEDERLANDO:* Nederlanda Esperanto Centro, *Rotterdam* W. Huygensstraat 17. B.

*NORVEGIO:* Norvega Ligo Esperantista, Librofako, OSLO, Boks 942.

*POLUJO:* Isaj Dratwer, *Warszawa*, Sienna 60, Poŝtĉeka konto I. 8266

*PORTUGALIO:* Saldanha Carreira Jorge, *Benfico*-Lisboa, Grao Vasco 33, r/c.

*RUMANIO:* Societo Esperantista Rumana, *Bukuresti*, Casuta Postale 9.

*SVEDUJO:* Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm*, 19, Fack 19.071.

*USONO:* Esperanto Asocio de Nord-Ameriko, *New York* 11, 114 West 16-th Street.

---

Deziras korespondi pri la nuntempa poezio kaj pri la problemoj de la arttraduko esperanta

JOZEFO KLEIN,

BUDAPEST, VII., Holló-str. 5. I. Hungario.

# ATENTU!

# GEJUNULOJ TUTMONDAJ!

# ATENTU!

De 14-a ĝis 28-a de augusto okazos en Budapest la grandioza „Festivalo" de la junularo tutmonda. Tie nepre devas esti reprezentata ankau la esperantista junularo! Partoprenu ĉi tiun belegan junularan renkonton!

La esperantista junularo de Budapest decidis kovri la restad- kaj nutradkostojn de unu junulo kaj unu junulino eksterlandaj, se li (ŝi) anoncos sin al la Festivalo kiel esperantisto kaj faros tie esperantlingvan paroladon. Sin anoncu tuj al la adreso de: Georgo Bálint, BUDAPEST 112., Poŝtfako 37. Nepre notu klare kaj legeble: vian nomon, aĝon, adreson, profesion (lernejo) kaj tion, kiam vi komencis lerni esperanton, de kiam vi parolas esperante, ĉu vi faris jam esperantan paroladon, ĉu vi skribis jam artikolon aŭ instruis la lingvon. Skribu tuj!!

Felelős szerkesztő és kiadó: Bercell Béla. — Globus nyomda N. V. Budapest, VI., Aradi-u. 8. — Felelős vezető: Kiss Zoltán